8-a jaro. — N-ro 10-11 (92-93) Okt.-Nov. 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, ĥemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.

Generala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.

Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.

Direktoro de la Oficiala Organo: | Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: | Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA GENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpeno Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj G. Vermandere, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.

Boom: Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..

Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.

Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.

Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.

Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.

Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.

Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.

Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.

Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.

St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.

St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.

Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.

Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.

Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Herion, rue des Raines, 8.

Por ĉiuj viaj sendaĵoj al “ BELGA ESPERANTISTO ”, uzu jenajn adresojn :

| | | |
|---|---|---|
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |
| Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN | Al «BELGA ESPERANTISTO»<br>S-ro Frans Schoofs<br>45, Kleine Beerstraat.<br>(Belgujo) ANTWERPEN |

8a JARO — OKT.-NOV. 1922 — No 10-11

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj: FERN. MATHIEUX, 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Esperanto en la Ligo de Nacioj

## RERIGARDO

Dum la unua kunsido, en 1920, de la Ligo de Nacioj, delegitoj el 11 regnoj prezentis rezolucian projekton pri internacia lingvo. La komisiono, kiu esploris tiun projekton, prezentis al la Ĝenerala Kunsido deziresprimon, laŭ kiu la L. d. N. deklarus ke ĝi konstatas la lingvajn malfacilaĵojn, ke ĝi sekvas kun intereso la movadon por Esperanto, kaj ke ĝi rekomendas preparon de raporto pri la rezultatoj atingitaj. Malgraŭ la kuraĝa pledado de la belga delegito kaj raportanto pri la temo, S-ro Senatano Henri Lafontaine, la iom konfuza lasta kunsido ĝenerala de la Ligo decidis la sendiskutan prokraston. (1).

Dum la dua kunsido, en 1921, delegitoj el 13 landoj ree prezentis la aferon al la Ligo. Tiu nova klopodo havigis la deklaron, ke la prezentita problemo postulas ĝisfundan esploron, kaj la decidon ke la demando estu enskribita en la tagordon de la proksima (tria) kunsidaro, ke la Ĝenerala Sekretariaro antaŭe preparu plenan raporton dokumentitan, ke la raporto pri la komisiono laborinta en 1920 kaj la raporto de la Vic-Sekretario D-ro Nitobé pri lia misio apud la Esperantista Kongreso de Praha (1921) estu komunikataj al la membroj de la L. d. N. (2).

## LA RAPORTO DE LA SEKRETARIARO

La tria kunsidaro de la Ligo de Nacioj okazis en septembro 1922 en Genève. Por ĝi la Ĝenerala Sekretariaro preparis do la de la dua kunsidaro deziritan raporton detalan pri «Esperanto kiel helpa lingvo internacia».

Tiu valorplena ampleksa dokumento konsistis el kvin partoj.

En la unua parto, la raportinto insistas pri la fakto, ke la problemo pri internacia lingvo estas afero de praktika kaj lingva intereso. Ne sufiĉas decidi pri la plej eble bona lingvo ; estas ankaŭ necese, ke ĝi

(1) Vidu B. E. 1921, No 1-2, paĝoj 27-30.

(2) Vidu B.E. 1921, No 9-10, paĝoj 157-158.

estu akceptita kaj instruata. La regnestraroj ne povas ekpaŝi sur la vojon de pure teoria aventuro. Sekvas ekzameno pri la propono de lingvoj franca, angla kaj latina, ankaŭ tiun de la plej gravaj artefaritaj lingvoj. Ĉi tie ni notu : « Kiam oni studas la historion de la proponitaj reformoj (de Esperanto), kiel Ido aŭ Esperantida, kiuj estas kontraŭdiraj pri multaj punktoj, oni ektimas, ke, se nova komitato de teoriuloj kunvenus nuntempe, kiel tiu, kiu proponis Idon en jaro 1907, ĝi formulus ankoraŭ novan proponon de modifo, kiu estus kritikata siavice post kelkaj jaroj, kaj tiel same senfine. La intereso de la mondo estas **havi unu helpan lingvon, kaj ne du aŭ tri, kaj je la praktika vidpunkto estas malpli riske konsideri unu, kiu havas post si kelkan sperton, komencon de tradicio kaj garantion de daŭra unueco».** Citinte la opinion pri la demando de la Brita Scienca Asocio, de la Pariza Komerca Ĉambro, de la Finna parlamento, kaj de la Tutmonda Kongreso de la Internaciaj Asocioj (Bruselo 1920), la raporto diras ke la avantaĝo estas efektive por la lingvo, kiu havas jam grandan nombron da adeptoj, kaj kiu eltenis la elprovon de l'uzado, kaj : «Esperanto certe estas la lingvo artefarita, kiuj plej vaste estis parolita en grandaj universalaj Kongresoj, en kunvenoj ĉiaspecaj, en vojaĝoj, en internaciaj oficejoj kaj eĉ en teatro. Tio donas al ĝi karakteron de vivanta lingvo, kiu mankas en la nure skribitaj sistemoj. La esprimo de l'sentoj en ĝi fariĝis ebla. En la daŭro de 35 jaroj la lingvo fine kreis al si komencon de stilo. Ekzistas kelkaj verkistoj kaj oratoroj, kiuj uzas ĝin kun forto kaj eĉ kun eleganteco. Ĝia sonoro cetere iom memorigas tiun de la Sudlatinaj lingvoj, dank'al al antaŭlasta akcentita silabo kaj la vokalaj finiĝoj». La enkonduka parto de la raporto finiĝas per informoj pri la nuna materia stato de nia movado.

La dua parto aŭ ĉapitro pritraktas speciale «Esperanton en la Publika Instruado», kaj analizas detale ĉion kio estis ĝis nun farita laŭ tiu rilato en 20 regnoj de la mondo. « **Nuntempe Esperanto estas instruata en iaj unuagradaj aŭ duagradaj lernejoj de ĉirkaŭ 320 urboj en 17 landaj kaj en la vesperaj kursoj de proksimume 1200 urboj en 39 landoj de la kvin kontinentoj».** Laŭ tre dokumentriĉa raporto, kiun havigis la brita Ministro de Publika Instruado al la Sekretario de la L. d. N., la komunumaj lernejaj aŭtoritatoj mem, en Britujo, petis kaj ricevis de li la permeson enkonduki Esperanton en la programojn, kiel eksperimento.

La tria ĉapitro raportas pri «La rezultatoj de la instruado» laŭ informoj ricevitaj de diversaj Ministerioj de Publika Instruado. De la Brita Ministerio, estis liverita grava memorandumo, kun du raportoj specialaj de du reĝaj inspektoroj. Tiuj tri dokumentoj estas presigitaj entute kiel aldono al la raporto, kiu ankaŭ aludas la Internacian konferencon de Edukistoj en Genève (Aprilo 1922). Ni ne preterlasu noti la rimarkon, ke «Multaj Esperantistoj malprave trograndigas la facilecon de sia lingvo. Sufiĉas por esprimi la veron konstati, ke ĝi estas ok aŭ dekfoje pli facila, ol iu ajn alia lingvo fremda, kaj ke oni sukcesas paroli ĝin perfekte, ne bezonante iri en la eksterlandon. Tio estas jam rezultato tre ŝatinda».

La kvara ĉapitro enhavis detalojn pri «La praktika uzado de Esperanto». Ĝi rilatas pri la organizo kaj funkciado de la Universala Esperanto-Asocio, pri la uzo de nia lingvo en la Komercaj Foiroj kaj en la Internacia Labora Oficejo, pri la subtenoj de Komercaj Ĉambroj kaj de aliaj organizaĵoj, pri niaj ĉiujaraj universalaj kongresoj, pri nia riĉa libraro, pri la Esperanta gazetaro, pri la movado inter blinduloj, k. c. «La potenco de lingvo estas granda forto, kaj la Ligo de Nacioj havas gravajn kaŭzojn sekvi kun tute aparta intereso la progreson de la Esperanta movado, kiu povus eble iam prezenti gravajn konsekvencojn je la vidpukto de la morala unueco de la mondo, se ĝia disvastiĝo ĝeneraliĝos.»

La kvina parto koncernis la respondon de la brita registaro, kaj konkludon.

## LA RAPORTO ANTAŬ LA 5a KOMISIONO DE LA TRIA KUNVENO.

La ĵus resumita raporto estis prezentita al la 5a komisiono kiu kunvenis trifoje sub la prezidanteco de S-ro Fielding, nome la 12an, 13an kaj 14an de septembro 1922. Por plene kaj detale informi niajn legantojn, ni represas la tradukon de la oficialaj raportoj, kiun publikigis en sia oktobra numero la gazeto «Esperanto» (Genève) :

### KOMISIONA KUNSIDO DE MARDO 12 SEPTEMBRO

Prof. Murray (Sud-Afriko) raportas pri la enketo de la Ĝenerala Sekretario. Estinte iam kontraŭulo, li nun konfesas la gravecon de mondlingvo kaj la taŭgecon de Esperanto. Li proponas 1. ke la Sekretario daŭrigu sekvi la progresojn de esperanto kaj raporti pri tio, 2 ke oni rekomendu la akcepton de esperanto en poŝta kaj telegrafa interrilato kiel helplingvo de komerco kaj scienco, 3. ke oni rekomendu plivastigon de la instruado de esperanto en lernejoj.

D-ro Privat (Persujo) klarigas, ke esperanto ne celas forigi aliajn lingvojn, sed ĝi respondas al urĝa bezono de la orientaj landoj por komuniki kun la Okcidento. Li skizas la celon kaj la verkon de D-ro Zamenhof. Diversaj ministrejoj de Publika Instruado komencis enkonduki. Estus utile ke la Ligo unuigu tiujn klopodojn per la rezolucio, kiu garantius reciprokecon, almenaŭ de kelkaj regnoj. La ceteraj restu liberaj ne partopreni ĝis ili sentos ankaŭ la bezonon. La interkonsento estas necesa kaj, se la Ligo ne patronus ĝin, tiam oni devus serĉi alian internacian organizon, kiu zorgos pri tio. Li subtenas la proponojn de Prof. Murray.

F-ino Bonnevie (Norvegujo) diras, ke la Norvega registaro ne povus instruigi esperanton ĝis la Angloj kaj Amerikanoj tion faros.

### KOMISIONA KUNSIDO DE MERKREDO 13 SEPTEMBRO

S-ro de Rio Branco (Brazilio) ne ricevis instrukcion de sia registaro. En la nomo de la Brazila Delegitaro li legas longan atakon kontraŭ esperanto kaj kontraŭ la raporto de Sekretario, kiu fariĝos potenca propagandilo en la mano de lertaj esperantistoj. Neniam la Ligo devos subteni artefaritan lingvon de mizeruloj kaj komunistoj, sen tradicio, sen literaturo, sen intelekta valoro. En Brazilo oni in-

struas esperanton nur en la ŝtato Sergipe, la malplej civilizita. Se oni malfermas nun la pordon al Esperanto, ĝi poste celos forigi la naciajn lingvojn.

S-ro **Gustave Ador** (Svislando) proponas, ke oni limigu la paroladojn al dek minutoj. Lia propono estas akceptita.

Senatano **Reynald** (Francujo) prezentas rezolucion proponantan, resendi la tutan demandon al la Komisiono de scienculoj por Intelekta Kunlaborado. Li laŭdas ĝentile la fervoron de la esperanttistoj kaj la faktan precizecon de la Sekretariara raporto, sed Prof. Murray postulas tre multe. La ligo povas nur lasi esperanton disvolviĝi per siaj propraj rimedoj. La regnoj ne ŝatas eksteran intervenon. Por ne rifuzi malĝentile, oni resendu la aferon al spertuloj, kiuj havos tempo ĝin ekzameni trankvile.

F-ino **Forchhammer** (Danlando) opinias, ke oni ne rajtas kritiki la raporton, ĉar ĝi precize enketis laŭ la decido de la lasta ĝenerala kunsido de la Ligo, t.e. pri esperanto en lernejoj; sed estus bone ke oni nun ekzamenu ankaŭ la lingvajn meritojn de ido kaj esperanto, eble ankaŭ de aliaj sistemoj. Oni povos alveni al fina akordiĝo nur per decido de spertuloj. Tial ŝi subtenas la proponon de Senatano Reynald.

S-ro **Voionmaa** (Finlando) konigas oficialan konstaton de sia registaro pri la sukceso de la kongreso en Helsingfors kaj la rimarkinda taŭgeco de esperanto kiel parolata lingvo. Li gratulas la Sekretarion pri la faktoriĉa kaj objektiva raporto. Li subtenas la proponojn Murray kaj kontraŭbatalas prokraston.

F-ino **Varesco** (Rumanujo) ne ricevis instrukcion de sia registaro. Ŝi subtenas la resendon, ĉar esperanto ne povus sukcesi en Rumanujo, kie oni lernas jam fremdajn lingvojn.

S-ro **Okujama** (Japanujo) subtenas la proponojn Murray, ĉar esperanto estas nepra necesaĵo por Japanaj kaj ceteraj Ekstremorientaj nacioj.

F-ino **Bonnevie** (Norvegujo), kiel membron de la Intelekta Komisiono kontraŭbatalas la resendon, ĉar tiu komisiono havas jam tro da alia laboro. Ŝi diras ke Prof. Murray same opinias.

S-ro **Sokal** (Pollando) opinias, ke la Ligo devas sin okupi pri tiu grava problemo. Li subtenas la proponon Reynald en pozitiva senco.

S-ro **Aguero de Bethancourt** (Kubo) scias nenion pri la demando kaj subtenas ankaŭ la proponon Reynald.

S-ro **Löfgren** (Svedlando) konstatas, ke en lia lando regas granda intereso pri mondlingvo, sed oni preferas elekti vivantan lingvon kiel la anglan. Li voĉdonos kontraŭ ĉiu ajn propono.

S-ro **Ĉau-Hsin-Ĉu** (Ĉinujo) energie subtenas esperanton. Orientaj nacioj sentas grandan malfacilaĵon kaj maljustaĵon en la nuna lingva sistemo. Ili deziras la sukceson de esperanto, por ili multe pli facile lernebla ol angla kaj franca. La ĉina registaro faros ĉion por disvastigi instruadon de Esperanto.

S-ro **Avramoviĉ** (Serbujo) opinias, ke esperanto sukcesos per si mem, se ĝi estas vere utila. Li subtenas la resendon.

D-ro Privat (Persujo) respondas al la parolintoj, ĉar la raportanto antaŭ la komisiono forrestas. Se la Ligo de Nacioj resendas la problemon al Intelekta Komisiono por ĝin serioze kaj plej bone solvi, la tuta mondo, inkluzive la esperantistoj, kliniĝos antaŭ la opinio de veraj spertuloj elektitaj por tiu celo. Sed se la resendo signifas tute simple ke multaj membroj de la Ligo ne deziras, ke oni solvu la problemon kaj proponas tion nur por sin liberigi, tiam la afero havas tute alian koloron kaj, riskas naski konfuzon. En tiu okazo estus preferinde nure aprobi la raporton kun necesaj korektoj kaj lasi la diversajn ŝtatojn meme decidi kaj eventuale meme interkonsenti pri instruado de esperanto kiel helpa mondlingvo. Oni povus, pro ĝentileco al Ekstremorientaj landoj, kiuj tre bezonas esperanton, akcepti ian kontentigan tekston.

D-ro Privat petas, ke oni decidu klare kaj sincere, ĉu la Ligo volas aŭ ne solvi tiun ĉi problemon, gravan por la mondo kaj speciale urĝan por Azio.

S-ro **de Brouckère** (Belgujo) kontraŭstaras al diskuto de novaj rezolucioj. Oni balotigu unue la proponon Reynald, kies akcepto forigus ĉujn ceterajn.

S-ro **de Rio Branco** (Brazilo) proponas sekretan baloton por eviti malagrablajn sekvojn.

F-ino **Forchammer** (Danlando) kontraŭbatalas tian timan proponon. Publika baloto estas decidita per 13 kontraŭ 5. Poste la propono Reynald estas akceptita per 18 voĉoj kontraŭ 8.:

« Ke la demandoj pri la instruado de esperanto estu resendataj al la Komisiono pri Intelekta Kunlaborado, por ke ĝi donu sian opinion pri la diversaj punktoj de la problemo de helpa lingvo internacia ».

## KOMISIONA KUNSIDO DE JAŬDO 14 SEPTEMBRO

S-ino **Coombe-Tennant** (Brita imperio) proponas diversajn korektojn al la raporto. Ŝi demandas, ĉu Dr-o Privat akceptas ilin.

Dro Privat (Persujo) respondas, ke li akceptas ĉiujn korektojn proponitajn. Ili ja ne koncernas faktojn, sed nur juĝojn, kaj estas nepre rekomendinde, ke la raporto aperu en tia formo, kiun ĉiuj diskutintoj povu aprobi senrezerve. Estos plej bone presigi entute la respondon de la Brita Ministrejo de Publika Instruado al la demandaro de la Sekretariaro, ĉar la elekto de citaĵoj neniam povas kontentigi ĉiujn legantojn.

S-ino **Coombe-Tennant** (Brita Imperio) ridindigas la konkludojn de la raporto, interalie la sugeston, ke oni povus rekomendi la uzadon de artefarita lingvo en poŝta kaj telegrafa servoj, ĉar la Brita Poŝtestro Generala ne estas preta akceptition ĝis nun.

D-ro Privat (Persujo) proponas, ke oni tute forigu la konkludan ĉapitron de la raporto kaj konservu nur la ceterajn partojn, kiuj estas akceptitaj de ĉiuj post la necesaj korektoj. Ĉiuj ŝtatoj mem eltiru sian propran konkludon.

S-ro **de Rio Branco** (Brazilo) petas D-ron Privat ne memori la akrecon de lia respondo al lia bela parolado pri esperanto. Tiu akreco estis bedaŭrinda rezultato de nesufiĉe preparita kontraŭbato kontraŭ la mirinda agemo de la utopiaj mondlingvistoj.

S-ro Loefgren (Svedlando) opinias, ke oni ne rajtas korekti raporton de la Sekretario.

S-ro **Todoroff** (Bulgarujo) proponas, ke oni aldonu ankaŭ la raporton de la Pariza Komerca Ĉambro.

F-ino **Forchammer** (Danlando) proponas, ke oni aldonu la decidojn de la Komisiono.

S-ino **Coombe-Tennant** (Brita Imperio) proponas akcepton de ĉiuj korektoj kaj forigon de Ĉapitro kvina.

S-ro **de Brouckère** (Belgujo), **Avramoviĉ** (Serbujo), **Reynald** (Francujo), de **Yanguas** (Hispanujo), **Privat** (Persujo), subtenas tiujn proponojn.

D-ro **Nitobê** (Sub-Sekretario Ĝenerala de la Ligo) klarigas, ke la raporto estis preparita sub lia persona kaj rekta kontrolado kaj li revizis ĝin, vorton post vorto. Li prenas plenan respondecon pri la tuta teksto, kiu estas rezultato de absolute senpartia kolektado de faktoj laŭ la decido de la Ligo de Nacioj lastan jaron: preparigi raporton pri la faritaj eksperimentoj kaj atingitaj rezultatoj je instruado de esperanto.

La korektoj kaj aldonoj estas unuanime akceptitaj kaj laŭ propono de S-roj **Avramoviĉ** kaj **Privat**, oni elektis Senatanon **Reynald** kiel raportanton al la Ĝenerala Kunsido de la Ligo. Fine la korektita raporto pri Esperanto kiel internacia helplingvo estis unuanime alprenita de la komisiono.

## EN LA ĜENERALA KUNSIDO

Inter la temoj sur la tagordo de la kunsido de 21a de septembro 1922 (prezidanto : S-ro M. Edwards) ni trovas : «No 72.-Esperanto kiel internacia helpa lingvo. - Raporto de la kvina Komisiono. — Rezolucioj».

Senatano Reynald (Franc.) raportas pri la diskutoj kaj rekomendoj de la kvina komisiono, kiu dediĉis tri kunsidojn al tiu afero. Diversaj opinioj montriĝis. Kelkaj membroj, kiel Ĉinlando, Japanujo kaj Persujo speciale subtenis rezoluciojn por rekomendi Esperanton en lernejoj kaj internacia poŝta kaj telegrafa servado. Aliaj, kiel Norvegujo,Brazillando kaj Svedlando kontraŭstaris ĉiun intervenon de la Ligo de Nacioj en tia afero, kritikante la ideon de artefarita lingvo. Meza opinio gajnis, kiu konstatis faktojn kaj deziris opinion de kompetenta scienculаro. Tio estas la senco de la konkludoj akceptitaj de la komisiono. Ĝi proponas, ke la Ĝenerala Kunsido aprobu ilin. Intertempe, la lingvo Esperantista havos plenan kampon por disvastiĝi kaj pruvi sian utilecon kaj fortecon per la sukcesoj, kiujn ĝi gajnos.

Lord Robert Cecil (Sud-Afriko) deklaras sin favora al Esperanto. Pro tio li ĝojas pri la duobla decido de la komisiono. La Intelekta Komisiono devos memori, ke mondlingvo ne estas bezonata nur de intelektuloj, sed antaŭ ĉio de la popoloj mem. En tia spirito, ĝi

ekzamenu vaste la problemon. Dume li konsideras kiel grandan sukceson por Esperanto la dokumentriĉan raporton, korektitan kaj akceptitan de la komisiono. Li petas la Ĝeneralan Kunsidon ĝin aprobi kaj konsilas al la Esperantistoj kuraĝe daŭrigi sian noblan laboron.

S-o Fielding (Kanadl.), prezidanto de la kvina komisiono, petas dividon de la voĉdono.

La Prezidanto balotigas la unuan parton :

«La Kunvenintaro alprenas la raporton de la Sekretariaro pri Esperanto kiel internacia helpa lingvo, kun jenaj modifoj :

» a) Ke la korektoj komunikitaj de la brita delegitaro estu enskribataj kaj ke la ĉapitro V de la raporto estu forigata ;

» b) Ke la konciza kaj neŭtra raporto de 9, februaro 1921 de la Komerca Ĉambro de Parizo, el kiu iaj partoj estas cititaj, estu aldonata al la raporto ;

» c) Ke la rezolucioj alprenitaj de la Komisiono estu aldonataj al la sama raporto ;»

(Tiu unua rezolucio estas unuanime akceptita).

La Prezidanto balotigas la duan parton :

« La demandoj pri la instruado de Esperanto estos sendataj al la Komisiono de intelekta Kunlaboro, por ke tiu Komisiono liveru sian opinion pri la diversaj aspektoj de la problemo pri internacia helpa lingvo».

(Tiu dua rezolucio estas akceptita par 26 voĉoj kontraŭ 2).

---

Intertempe aperis la «Raporto de la Ĝenerala Sekretariaro al la tria kunvenintaro, modifita kaj alprenita de la kvina Komisiono de la Kunvenintaro, la 14an de septembro 1922», kun jenaj dokumentoj :

1. — Decido de la Komisiono Va rekomendanta, ke la Ligo de Nacioj petu la opinion de la Komitato de scienculoj por Intelekta Kunlaborado ;

2. — Raporto de la Pariza Komerca Ĉambro pri mondlingvo;

3. — Memorandumo de la Brita Ministerio por Publika Instruado kun du raportoj de reĝaj inspektoroj ;

4. — Konkludoj kaj deziresprimoj de la Ĝeneva Konferenco pri Esperanto en lernejoj.

Tiu dokumentaro devas esti por ĉiu grupo kaj porbatalanto la bazo por sia laboro dum la plej proksima estonteco. Ĉiu akiru kaj uzu ĝin !

---

Post trijara zorge flegita agado en la Ligo de Nacioj, ni sendube atingis jam bonegan rezultaton, kiu estos por la Esperantistoj en la tuta mondo kuraĝigo por daŭrigi sian klopodadon ĝis ĝia fina sukceso.

Ni aŭdu la vokon de S-ro W. M. Page, en «The British Esperantist»: «La batalo ne ĉesis, kaj ni devas instigi nin mem, ne nur al daŭrigo de la propagando de la lingvo, sed al uzado de ĝi ĉiumaniere. Ni ne perdu tempon, diskutante teoriajn detalojn, la demando pri nia organizo estas solvita, ni nun agu! Ĉiu poŝtkarto sendita al alilanda korespondanto, ĉiu libro verkita aŭ tradukita, ĉia parola aŭ skriba de Esperanto en scienco aŭ komerco, ĉiu infano instruata en lernejo, havos sian valoron en la fina analizo».

Kaj fine ni sekvu la konsilon de du parolintoj en la Kunsido de la L. d. N., la skeptika franca senatano Reynald, kaj la kun ni simpatianta Lord Robert Cecil : « En la manoj de la Esperantistoj mem kuŝas la devo kaj la kapablo pruvi al la mondo, per novaj sukcesoj, la utilecon de sia lingvo».

Ni ne povas preterlasi la okazon por turni dankplenan senton al ĉiuj, kiuj kulaboris al la atingita rezultato ; kun fiero ni notu ĉi tie la nomon de nia simpatia senatano Lafontaine, kiu antaŭ 3 jaroj iniciatis, kune kun nia eminenta amiko Privat, la tutan agadon. Inter la multnombraj naciaj delegitoj, kiuj defendis nian lingvon, ni aparte citu Lord Robert Cecil, kaj, finante tiun kronikon, ni represas kun grandega plezuro paragrafon, kiun «The British Esperantist» dediĉas al D-ro Edmond Privat : «Ni ne povas, pro simpla justeco ni ne rajtas haltigi la plumon sen tributo al D-ro Privat. Li, almenaŭ, neniam permesis al si laciĝi en bonfarado. Neniu, krom li mem, povas iam ajn realigi en si la longan streĉadon, la persistan postulon por ĉiame pli da peno, la konstantan bezonon por ĉiame pli sagaca atentego, la senĉesan instigon al pli alta, pli subtila pacienco, tra kiu D-ro Privat pasis ; sed eĉ ni ne povas eviti iom pri tio imagi. Ĉiam, ŝajnas al ni, li plialtigis sin al la momento, li montris ĉiun kvaliton, kiu signas la grandan kondukanton, kiel tian, ni, tute sincere salutas kaj aklamas lin».

---

Kaj nun, ĉiuj ree al la laboro kun energio kaj kuraĝo !
«NI FOSU NIAN SULKON ! » B. E.

---

# La Mondlingva Problemo

## FESTPAROLO ĈE MALFERMO DE LA XIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI.

de profesoro **D-ro Emil Setälä**, honora prezidanto de la Kongreso.

---

Ŝajnas nenecese pentri al la estimata kunvenintaro la lingvajn malfacilaĵojn, kiujn renkontas pratikanto de scienca esplorado. La laborantoj sur la kampoj de multaj sciencoj devas esti kapablaj uzi fontan literaturon ne nur en tiuj lingvoj, kiujn parolas la grandaj kulturnacioj, la angloj, francoj, germanoj, italoj, hispanoj, sed en ankoraŭ multnombraj aliaj lingvoj. Kaj la malfacilaĵoj, kiuj rezultas el tio, estas sendire klaraj. El la mallonga homa vivo, kiu devus entute esti dediĉita por servado al la scienco, por atingi iajn rezultatojn, estas necese en la kampo de multaj sciencoj oferi multan tempon al lernado de lingvoj kaj por deĉifrado de la diverslingvaj skribaĵoj — per helpo de aliaj, kiam la esploranto mem ne sufiĉe konas la koncernajn idiomojn. Kaj ofte valora informo restas neuzita pro lingvaj malfacilaĵoj. Kaj ne sufiĉas al sciencisto eĉ tio, ke li lernas utiligi fontojn de diversaj lingvoj: se li estas ano de malgranda nacio, li devas ankoraŭ lerni almenaŭ unu el la tiel nomataj grandaj kulturlingvoj en tia grado, ke li kapablas sin

esprimi per ĝi, por konigi siajn verkojn al pli vasta rondo de sciencistoj. Pro la diverseco de la lingvoj li nome povas esti certa, ke liaj verkoj restas nelegataj kaj sen atento, se li publikigas ilin nur per sia gepatra lingvo, konata en malvasta rondo. Kaj tio ne estas malgrava ŝarĝo : ellerno de fremda lingvo en tia grado, ke oni kapablas facile kaj ĝueble sin esprimi per ĝi, ne estas facila, kaj por multaj, al kiuj mankas la speciala talento, eĉ neebla.

Pro tio la demando pri **komuna lingvo por la scienco** ripete sin prezentis kiel urĝa problemo. Sed la problemo fariĝas kompreneble ankoraŭ pli vaste signifoplena por la tuta homara kunvivo, kiam al ĉi tiu problemo estas ligata la demando pri komuna lingvo por ĉiuj bezonoj de interhoma komunikiĝo, komerco, turismo, politiko kaj diplomatio, eĉ pri helpa pera lingvo por la kulturbezonoj de tiel malgrandaj nacioj, kiuj ne povas havigi al si propralingvan literaturon.

La demando estas grava kaj vasta, eble unu el la plej gravaj en la homara vivo. Multaj konsideras ĝian solvon kiel nuran utopion, kaj almenaŭ pri la formo de solvo la opinioj ŝajnas diverĝi. Simile kiel, laŭ malnova rakonto ,la lingvoj disiĝis dum la konstruado de la Babela turo, tiel ŝajnas la pensoj disiĝi ĉe la solvo de ĉitiu problemo. Vi, estimataj kongresanoj, kiuj kredas je la ebleco solvi ĉi tiun demandon, povas tamen ĝoji pri tio, ke la opinioj ŝajnas kristaliĝi en kelkaj rilatoj al unueca solvo.

Unue ŝajnas ke ni povas konstati, ke ne ekzistas diversaj opinioj pri tio — se nome la problemo estas solvebla — ke estas uzota kiel rimedo de komuna interkompreniĝo parolata lingvo, kiu skribite per fonetika signaro estas videbligota. Certe ekzistas provoj de ia ideografia skribaĵo, kiun ĉiuj komprenus sendepende de tio, kiel ili elparolus la vortojn en sia propra lingvo. Simile kiel sudĉino ne komprenanta la parolon de nord-ĉino, kaj eĉ ĉino kaj japano povas interkompreniĝi per la ĉina vortskribo, same oni pensis, ke ia **pasigrafio** povus starigi komprenon inter ĉiuj popoloj de la mondo. Ne estas necese ke mi diru, ke la celo estas malfacile atingebla per ĉi tiu vojo. Por tia vida linvgo estus necese krei kompletan gigantan sistemon de signoj, en kiu kreado oni ne povus sin apogi sur la sperto atingita en la evoluado de homa lingvo, kaj la ellerno de la sistemo prezentus grandajn malfacilaĵojn. Estas tute nature, ke oni serĉas rimedojn por komuna interkompreniĝo sur tiu vojo, kiun la homo ĉiam uzis, utiligo de **parolata** lingvo, kiu estas unu el la plej gravaj distingiloj de homo. Estas demando nur pri tio, el kiu fonto oni ĉerpu la komunan lingvon kiam la homaro dividiĝas en multegajn grupojn ĉiu kun aparta lingvo, ĉu estas elektota iu el la ekzistantaj lingvoj, aŭ ĉu estas kreota por tiu celo tute nova lingvo. Aŭ, kiel oni kutime diras, ĉu la rimedo de komuna interkompreniĝo estu «natura» aŭ «artefarita».

Le demando estas en la lasta formo malĝuste formulita. Ĝi spegulas sendube la antikve komunan koncepton pri lingvo kiel organismo aŭ naturprodukto, kaj el la vidpunkto de tiu koncepto la respondo estas preta apriorie. Ĉar la lingvo, laŭdire, nome estas naturprodukto aŭ lingvo estas per si mem io antagonisma al la esenco de lingvo, kaj

almenaŭ la sola ebla esprimo de la animo de iu popolo, «artefarita» rifuzinda. Se la lingvo foje naskiĝas, kreskas, vivas kaj mortas kvazaŭ iu planto, estas klare ke «artefarita» lingvo ne estas lingvo pli ol artefarita floro estas floro. «Physei» aŭ «thesei» — ĉu de naturo ĉu de interkonsento — estas la malnova demando jam de helena lingvofilozofio kaj kiel multe la moderna lingvesplorado jam klarigis la vivon de lingvo, la demando ankoraŭ ne ĉesis ekzisti almenaŭ, en tiu senco, ke multaj nuntempaj esploristoj malfacile konsentas la multflankan dependon de lingvo el la homa volo kaj el ĝia ĉefa celo — esti rimedo de interkompreniĝo. Lingvo estas — tion oni ne tro ofte rememorigos — rezulto de homa kulturo, kaj ju pli la lingvo estas intencita por servi la plej altan kulturon, sciencon, arton kaj socian vivon, des pli la homa volo superpotencas la lingvon, des pli la lingvo fariĝas tia, kian ni povus nomi artefarita. Plej klare la influo de la homa volo sin manifestas en la formado de frazoj, kie multegaj variadoj estas eblaj, same kiel ĝenerale en la kombinado de vortoj, ĉar la nombron de la eblaj kombinaĵoj ni povas taksi preskaŭ senlima. Sed ankaŭ en la formado de kunmetitaj kaj derivitaj vortoj kaj en la vortformado ĝenerale la homa volo ludas gravan rolon. La historio de preskaŭ ĉiuj lingvoj povas montri, kiel certaj vortoj, antaŭ ĉio «teknikaj terminoj» estis formataj tiamaniere, ke vortoj estas kreitaj laŭ bezono, certe ofte kun helpo de antaŭaj modeloj, sed ofte ankaŭ tre libere. Tiel estas konate, ke tia tute internacie uzata vorto, kiel **gaso** estas libere kreita de la Brusela alkemisto Van Helmont. Sed povas okazi ankoraŭ pli mirindaj aferoj, kiel ekzemple la historio de hungara lingvo povas atesti. Tiel ekzemple la hugara verkisto Dôbrentei proponis en Hungara Akademio ke «spritaĵo» estu nomata hungare «élc» — él signifis akrecon, sed spritaĵo devis enhavi ion fajrerantan (hungare percenni) kion oni povus montri per aldono de la finaĵo **c**. Kaj «spritaĵo» estas efektive nomata hungare **élc**. Ankoraŭ pli kurioza estas la historio de la hungara vorto **minta** = «modelo, formo». Hungara jezuito J. Sajnovics, kiu, dum iu astronomia ekskurso al Nordkap faris notojn pri la lapona lingvo kaj rimarkis la parencecon de hungara kaj lapona lingvoj, eldonis pri ĉi tio verkon en 1770. En tiu verko li citas, ke la laponoj tradukas la ideon de ‚formo, ekzemplo, modelo' per la vorto **‚minta'**, laŭ li pli hungare ol la hungaroj mem. Ĉar, la vorto **minta** estas analizebla : **mint** = hungare ‚kiel' kaj **a** = hungare ‚tiu', sekve **minta** = ‚kiel tiu'. Li proponis, ke tiu vorto estu ekuzata, kaj ĝi efektive atingis tute ĝeneralan uzadon. Tiel oni diras ĝenerale ekzemple **mintagymnazium** = normala (modela gimnazio ktp.). Estas necese nur aldoni, ke tia etimologia analizo de la lapona vorto estas tute malĝusta; eĉ la vorto ne estas origine lapona, sed devenas el la skandinavaj lingvoj !

Kiel ekzemplon pri tio, kiel tuta lingvo iom post iom kaj esence dependante de homa volo povas ŝanĝi sian formon, ni povas citi la literaturan aŭ komunan finnan lingvon. Kiam oni komencis en la 16a jarcento uzadi finnan lingvon en literaturo la uzita dialekto estis esence tiu de la distrikto ĉirkaŭ Abo. Pro diversaj transformiĝoj, kiuj parte bazas sin sur la lingvo uzita en la malnovaj runoj de finna popolo, parte sur

proponoj faritaj de lingvosciencistoj, la lingvo tiel malproksimiĝis de la Aba dialekto, ke oni povas kun rajto diri, ke multaj aliaj dialektoj estas pli proksimaj al la nuna literatura lingvo ol la dialekto de Abo. Alia bona ekzemplo estas la norvega «popola lingvo», la tiel nomata «folkmaal». En ŝtata kuneco kun Danlando oni komencis ĝenerale uzi en Norvegio anstataŭ la malnova literatura lingvo norvega la danan lingvon, kiu ankaŭ disvastiĝis en buŝa uzado, nur kun norvega prononco. Post la disiĝo naskiĝis deziro krei al Norvegio propran literaturan lingvon laŭ la popolaj dialektoj. Kaj tio efektiviĝis, nova literatura lingvo estas kreita sed literatura lingvo, kiu ne estas identa kun iu norvega popola dialekto. Kaj tiu nova literatura lingvo trovas pli kaj pli grandan disvastiĝon apud la dannorvega.

En ĉiu lingvo troviĝas momentoj dependataj de la homa volo. Kaj ni povas diri : en certa senco lingvo ĉiam estas artefarita, utiligo de rimedoj donitaj de la naturo por atingo de difinita celo.

La problemo ne estas tiel formulota : ĉu natura ĉu artefarita lingvo sed jene : **ĉu lingvo historie transdonita de generacio al generacio, ĉu lingvo libere imitanta la historie evoluintajn ?**

En multaj rilatoj estus sendube tre konvene, se oni povus senplue elekti kiel komunan helplingvo iun pretan produktaĵon, eĉ tian kiu jam estas larĝe disvastigita.

Ni povas eĉ diri, ke estis jam tempo, kiam rimarkinda parto de la homaro jam havis tian komunan helplingvon. La mezepoka latino estis ĝenerale disvastigita kiel scienca lingvo, ĝi estis uzata kiel instrua lingvo en la universitatoj, per ĝi estis verkata la scienca literaturo en ĉiuj landoj, ĝi estis la lingvo de katolika eklezio, ĝi estis eĉ peranto de tiamaj politikaj kontaktoj — en la komercon kaj en la vastajn rondojn de popolo ĝi tamen ne disvastiĝis, se ni ne kunkalkulas tion, ke la vulgara latino fariĝis ĝenerala lingvo de komunikiĝado en la okcident-eŭropaj landoj, forpuŝis la lingvojn de la popolo kaj samtempe disiĝis en diversajn dialektojn, kiuj diferenciĝis el tiu formo de latino, kiu servis kiel internacia interkomprenilo.

Latino posedis la grandajn avantaĝojn de neŭtraleco, larĝa disvastiĝo kaj evoluo. El ĝi estus povinta disvolviĝi la dezirita komunlingvo, se ĝi estus daŭre evoluinta libere — ŝajnas al mi tamen certa, ke ĉi tiu evoluo estus kondukinta al tia direkto, ke latino estus fariĝinta io alia, esence tia lingvo kian oni celas per la nomo ,artefarita'. Diversaj malfacilaĵoj de latino estus forigitaj kaj nova lingva materialo laŭ bezono formita libere. «Inventus ab ego ipse» skribis laŭ informo iu botanika verkisto sub kreskajo trovita de li — tio montras klare la vojon de la evoluo.

Latino perdis sian pozicion ne nur pro nacia vekiĝo, ĝian falon kaŭzis antaŭ ĉio — la zorgoj pri la sorto de latino mem. La humanistoj kiuj altenlevis la klasikan antikvon, kiuj ree metis sur piedestalon la admirindan lingvoformon de la ora epoko, ili sufokis en sia admiranta ĉirkaŭpreno la latinon kiel mondlingvon, proklamante ke la lingvo de la ora epoko estis la sola korekta formo de latino. Kaj la latino de la ora epoko ne taŭgis kiel internacia helplingvo, per ĝi oni ne povis

esprimi la objektojn de moderna kulturo laŭ la bezonoj de moderna tempo, ankaŭ ĝi ne havis eblecojn disvolviĝi antaŭen, kaj ĝi estis tro malfacila pro ellerno.

Kiam la demando pri internacia helplingvo nun, dum la scienca produktado disiĝas inter diversaj naciaj lingvoj kaj en la cetere granda lingva disfalo, ree sin prezentas por solvo, tiam nur malmultaj provas proparoli la latinon. Malmultaj parolas — kaj sen rimarkinda subteno — pro iu lingvo de malgranda nacio, ekzemple la norvega aŭ novgreka. Kompare malmultaj estas ankaŭ la subtenantoj de franca lingvo, kiu heredis la iaman rolon de latino kiel diplomata lingvo. Oni povas diri, ke la plej multaj el tiuj, kiuj supozas ke la problemo estas solvebla tiamaniere ke iu el la modernaj lingvoj estas metata en tiun pozicion, estas pretaj voĉdoni por angla lingvo.

La angla lingvo havas en tiu rilato sendube multajn gravajn avantaĝojn. Antaŭ ĉio ĝia granda disvastiĝo; nome oni povas kalkuli ke ĝi estas lingvo de ĉirkaŭ centkvindek milionoj da homoj; la grava signifo de la literaturo eldonita en ĝi, kaj fine ĝia ĝenerale rekonata facileco, tio signifas, lerni la anglan lingvon ĝis certa grado.

La nuntempa granda disvastiĝo de angla lingvo kaj ĝia grava signifo kiel kulturlingvo tamen ne devas senplue esti decidiga por la elekto de internacia lingvo. Kiam estas demando pri milionaroj kaj longa estonteco, oni devas memori, ke la plejmulto de la teraj loĝantoj — malproksime de tio ! — ankoraŭ ne parolas angle, kaj ke la nuna stato de iu lingvo ne decidas pri la estonteco, kiel ajn grandan avantaĝon tio povas signifi. Kio aliparte koncernas la facilecon de la lingvo, ekzistas ankaŭ negativaj punktoj. Unue la elparolado de la angla lingvo prezentas diversajn malfacilaĵojn, kaj angla lingvo ankaŭ ne apartenas fonetike al tiuj sonoraj lingvoj, kiaj antaŭ ĉio estas la latinidaj lingvoj, kaj kiuj ĝuste pro tio estas taŭgaj por interkompreniĝo. Tre grandan malhelpon prezentas ankaŭ la kaprica ortografio de la angla lingvo, spegulanta la antikvan prononcadon. Ĉi tiu estus ja korektebla, sed la praktika efektivigo verŝajne montriĝos malfacilega : la ortografio de la angla lingvo igas la skribitan lingvon efektive iaspeca ideografio simila al la ĉina, kiu ne estas sonskribado sed vortskribado. Kaj tiu skribmaniero formas parton el la disvastiĝo de la angla lingvo. Kaj fine la parolo pri la facileco de la angla lingvo estas, pli profunde studite, malĝusta : la vortaraj, sintaksaj ,stilaj nuancoj kaj delikataĵoj estas ĉio alia krom facilaj.

Ni venas tiel al la punkto, kie oni demandos, ĉu la problemo entute estas solvebla tiamaniere, ke oni provas doni al iu nacia lingvo la rolon de lingvo internacia. Mi ne parolos pri tio, ke la elekto de iu nacia lingvo kiel internacia donas al tiu popolo privilegian pozicion, kiun ne volonte permesos la konkurantaj popoloj. En tio certe troviĝas vero : la sentoj antipatiaj povas facile vekiĝi kaj dubindigi la atingon de la celo, kaj tion oni devas provi eviti. La afero devas esti tute apartigata el demandoj pri potenco. Sed mi ne kredas ke la popolo, kies lingvon oni elektus, havus nuran utilon el tio. Vilh. Thomsen diris en sia artikoleto «Videnskabens faellesprog» — Komunlingvo de la scienco —

sekve de tio, ke Paul Passy proponis la dannorvegan lingvon kiel internacian — ke la norvegoj kaj danoj elkore dankos pro la honoro ,ke ili vidus la tutmondon parolaĉi kaj platigi ilian gepatran lingvon kaj tiel difekti ĝin por ili mem. Ni memoras, kiel la zorgoj de la renesancanoj pri la konserviĝo de latino kiel latino forprenis de ĝi la rolon de internacia lingvo. Povas esti, ke tiel potenca lingvo kiel la angla povus pli facile kontraŭstari eksteran disfalon, sed longe tio cer e ne sukcesus ankaŭ al ĝi, se ĝi estus elektata kiel komuna helplingvo de tutmondo. Uzata de anoj de plej diversaj nacioj ĝi devus perdi tion, kio faras ĝin karakteriza al la nacioj de Granda Bri io kaj de Usono, ĝi devus rifuzi la plej multajn el siaj propraj idiomismoj kaj transformiĝi por esprimi kvazaŭ skeme ĉion, kio estas bezona en la tutmonda komunikiĝo nun kaj estonte, ankaŭ fremduloj devus havi la rajton libre evoluigi ĝin por novaj bezonoj. Se internacia lingvo estas efek ivigebla, oni ĉiam fine revenas al tio, ke ĝi devas fariĝi lingvo tia, kian oni volis nomi «artefarita».

Se efektive la provo meti historie evoluintan lingvon en la rolon de lingvo internacia kondukas al tio, ke la lingvo estas daŭrige evoluigota « arte », kia kaŭzo do ekzistas por uzi eĉ kiel fundamenton unu tian lingvon, kiu estas posedaĵo de difinita popolo, kiu per ĉiuj siaj historie naskiĝintaj propraĵoj ofte neklarigeblaj eĉ por specialisto, — propaĵoj, kiuj al lernanto de la lingvo sin prezentas kiel egale multaj malfacilaĵoj — aludas al la vivo kaj pensmaniero de difinita popolo ? Kial oni ne elirus de la komenco de tia fundamento, kie ne estas bezone ofendi la heredajn kutimiĝojn de iu popolo, malrespekti ies lingvan «orelon», kaj kie la ŝancoj de evoluo per la propraj rimedoj de la helplingvo estas uzeblaj sen la limigoj de hereditaj kutimoj ?

Ĉiu nacia lingvo do estu ŝparata de la kripligo, al kiu ĝi devus submetiĝi, se la tuta mondo, ankaŭ tiuj, kiuj malperfekte ĝin posedas, kies pensmaniero tute diferenciĝas de la persmaniero de tiu popolo, kies popola la lingvo estas, kiuj eĉ ne havas okazon por lerni ĝian normalan elparolon, se ili ĉiuj, mi diras, uzadus ĝin por komuna interkompreniĝo. La naciaj lingvoj estu konservataj kiel sankta propraĵo de ĉiu nacio. La historio jarcenta kaj jarmila de tiuj, la kuneco inter ili kaj la historio de la nacio mem, ĝiaj moroj, institucioj kaj psiko igas la plenan ellernon de ili malfacila por ĉiuj krom kelkaj soluloj, kaj aparte malfacila al tiuj, kiuj ne konatiĝis kun ili de sia infaneco. Ili konvenas plej bone kiel rimedoj de lingva arto en poezio kaj sur scenejo. Ilia lernado kaj esplorado estas necesa al ĉiu, kiu volas konatiĝi kun la psika vivo kaj historio de koncerna popolo. Kiel internacian helplingvon oni kontraŭe elektu tian lingvon,imitantan libere la «naturajn» lingvojn kiu ne estas tiel proksima al iu nacia lingvo, ke ĝi povus ĝin difekti.

Per tio mi ne volas diri, ke tiel konstruita internacia helplingvo ne povus en la manoj de lerta inspirita lingva artisto fariĝi rimedo por esprimi la internan forton de beleco de la homa penso en formo de lingva beleco. Sed tio estas esence ekster la ĉefa celo de internacia helplingvo : ĝi estas io, kio povas rezulti aŭtomate, kiam la premisoj ekzistas.

———

# Belga Kroniko

GENTO. — S-ro inĝeniero Vandevelde faris en la Universitato tre interesan paroladon pri la kritikoj kontraŭ nia lingvo ; li majstre rifutis ilin, estis kvazaŭ la « proceso de Esperanto ». Nova kurso komenciĝis la 31an de oktobro.

LEDEBERG. — En ĉi tiu kajero la legantoj trovos fotografaĵon de ĉaro per kiu la Ledeberg Esperanto-Grupo « La Tagiĝo » partoprenis en la tiea florsekvantaro de la 6a de aŭgusto 1922 kaj gajnis duan premion de 125 fr. Ĝi faris grandan impreson sur la multnombra publiko, kiu ĝin varme aklamis.

Sur trono sidis la feino de Esperanto, reprezentita de la ĉarma fr-ino. Simone Leeman ĉirkaŭata de dek diversnacie vestitaj junaj gegvardistoj: Sro. M. Claerman, prezindanto; (Usona Cow-boy); Fr.-ino. Swaenepoel (hino); Fino. Claire Derde (Toreadoro) Fino. M. M. Lamotte (Japanino); Fino Leona Valcke (Bohemo); Fino. Simone Labyn (Turkino) Fino. Marto Roelandt (Ruso); Fino. De Coster (holandano); Fino. Sidonie Bienvenu (skotino); Fino. Diane De Baets (italino). La ĉaro estis plie ĉirkaŭata de dekok fraŭlinetoj portantaj girlandojn kaj pankartojn kun la nomo de la diversaj nacioj. La kantoj, dumvoje kantitaj, faris ankaŭ favoran impreson. Diri kiu pleje meritis en tiu ĉi grava entrepreno estas afero neebla. Citu ni inter la plej fervoraj helpintoj: nian Vicprezidantinon Fino. J. Terryn (staranta apud la veturigisto); S-rojn J. Terryn ; F. Antheunis ; kaj Finon. Baert ĵus malantaŭ la infanoj ; Finon. Car. Baert, nian fervoran Sekretariinon; duone kaŝitaj estas Sinoj Labyn kaj Claerman kaj sur la antaŭa dekstra flanko Son. L. Varendonck, Honor-Prezidanto. Finoj. Neyt kaj Lippens prizorgis nian esperantidon: Hugoĉjo Collumbien. Al ĉiuj sincerajn gratulojn.

La du oficalaj Esperanto- kursoj malfermiĝis la 1an de oktobro en la lernejo. La unuagrada kurso havas 20 lernatojn kaj estas gvidata de Fino. Terryn ; la duagradan kun 18 lernantoj gvidas Sro. Varendonck.

LIEĜO. — Sro. Derigat malfermos baldaŭ novan kurson por la anoj de la nacia sindikato de C. F. M. P. T. T. (fervojistoj, Maristoj, Poŝtistoj, telegrafistoj kaj telefonistoj).

MEĤLENO. — La urbestraro decidis enskribigi la kursojn de Esperanto organizitaj de la loka grupo, sur la afiŝon pri la nunjaraj vesperkursoj. Gratulojn al niaj tieaj amikoj por tiu bona rezultato laŭ oficiala vidpunkto.

CHARLEROI. — Nova kurso, anoncita per grandaj afiŝoj kaj gvidata de Sro. Henraut, komenciĝis merkredon 18an de oktobro en la « Labora Universitato ».

GRATULO

La 28an de oktobro edziĝis en Liero nia samideano Ludoviko Leflot, arhitekturisto, kun fraŭlino Klementino Van der Wee. Tutkoran gratulon !



LEDEBERG. — La ĉaro de la grupo « Tagiĝo » en la florsckvantaro.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — « Le Matin » (25,26,27,-10 22) : Programo kaj tre favoraj raportoj pri la vizito de la ĉeĥoslovakaj esperantistoj al Antverpeno. « Neptune » (25,26,27-10-22); « De Nieuwe Gazet » (25,27-10-22): samtemaj artikoletoj. En ĉiuj aliaj gazetoj de la urbo aperis la detala programo de la suprecitita vizito.

« De Schelde » (?-10-22): Informo pri la kurso de « La Verda Standardo ».

« De Scout » (Sep. 22): Prpaganda artikolo.

BRUSELO. — « Le Jass » (22.10-22) : Traduko de artikolo aperinta en « Esperanto Triumfonta », sekve de artikolo presita en « Le Jass » de 17-9-22. (Bedaŭrinde ni ne ricevis la aluditan artikolon de 17-9; ĉu neniu volus sendi ĝin al ni?)

« De Eendracht » kaj « Le Ralliement », flandra kaj franca organoj de la Nacia Sindikato de la Agentoj de Fervojoj, Poŝto, Telegrafo Telefono kaj Maraferoj, (1 & 8-10-22): Du grandaj kaj gravaj artikoloj pri la taŭgeco de Esp. kiel klerigilo.

«La Nation Belge » (19-7-22): areto da senspritaĵoj sekve de la decido de la ministro en Francujo.

« Le Peuple » (8-10-22): Kelkaj esperantistoj akceptis la inviton de la aŭtoro de la artikolo citita sur paĝo 145 (antaŭa numero) de B.E., kaj klopodis konvinki la redaktoron, kiu en nuna artikolo konsentas pri la utileco kaj taŭgeco de Esperanto. Li nur ne ankoraŭ akceptas la literaturan valoron de nia lingvo.

GENT. — « Gazette van Gent » (1,8.20-10-22) : 14a, 15a, 16a Lecionoj de Esperanto.

MECHELEN. — « Gazet van Mechelen » (6.10.22): Traduko de la artikolo « Malfermu la okulojn » de E. Archedacon, iam aperinta en « Esp. Triumfonta ». Anonco pri kursoj en Meĥleno.

LIEĜO. — « Journal de Liège » (10.10-22): Informo pri du kursoj en Sclessin.

VERVIERS. — « Le Travail » (23-8-22): Esperanto kaj Polico, Esperanto ĉe la Internacia Semajnoduo en Bruselo; (6.7-22): Esperanto kaj Ligo de Nacioj (tradukita el Esperanto Monthly): ( 10-7-22): (19-17-22): Du propagandaj artikoloj; la aŭtoro insistas plej multe pri la valoro de Esperanto por la laboristoj; (21-7-22): Sub la titolo « Désespéranto » la Direktoro de la gazeto, J. Roggeman, tute propramove respondas per longa artikolo la asertojn prezentitajn la saman tagon en la Ĵurnalo « Dernière Heure » de Bruselo (vidu B.E. paĝon 116); 28-7-22: Servolisto de nia lingvo, responde al la cirkulero de la franca ministro; (9-8-22): Longa artikolo pri la utilo de Esp. por alveni al la kunlaboro de ĉiuj popoloj; (17-8-22): Franca teksto de la artikolo de Romain Rolland dediĉita al la 2a kongreso de la Sennacieca Asocio; (23-8-22): Informo pri decido de tiu kongreso; (24-8-22) : Artikolo pri la vivebleco de nia lingvo, tradukita el Esp. Triumfonta; (5-10-22): Anonco pri kurso organizota ĉe la Verviersa Komitato por Laborista Klerigo.

DEZIRAS KORESPONDI:

S-o Vladimir Heyduk, studento, Lazně Tonŝen N. 113, Ĉehoslovakujo.
S-o Jul. Eckardt, pastro, Höntrop, Vestfalio, Germanujo.
S-o Ludwig Maleck, Habichtstr., A. O., Mannheim-Käfertal, Germanujo.
S-o Hans Adolph, Türrschmidtstr., 42. II. Berlin-Lichtenberg.
S-o Alfred Menke, Postfach, 513, Bremen, Germanujo.
S-o Heinrich Bürger, Holzstr. 43, Fürth ĉe Nurnberg, Bavarujo.
S-o Erneste Schötter, Gfell, 10, b. Schlackenwerth (Carlsbad), Ĉehoslovakujo.
S-o Jaromir Rebiĉek„ Hlavni adrazi 103, Olomouc, 2.
S-o Edmund Frostel, Reichenbergerstr., 362, Grottau i/Bohemujo.
S-o Karlo Trombik, Trinec, N. 138, Slezio, Ĉehoslovakujo.
S-o Victor Kamenschak, cand. teolog. Bürgerg. 2, Graz, Steiermark, Aŭstrujo.
S-o Jozefo Lipic, poste restante, Suŝak, Hrv. Primorje, Jugoslavujo.
S-o Leo Idea, Harjapea T. 3-2, Tallinn, Estonujo.
S-o Eric Höglund, kontoristo, Ostra Hamng. 20, Göteborg (Svedujo).
S-o Haralde Norgren, S. Centralgat 11, Gefle, Svedujo.
S-o J. Kapela, ul. Zorawia 19, Poznan, Polujo.
S-o M. Chura, ul. Stodolna, 14, Czestochowa, Polujo.
S-o Fransinek Sulkowski, Senbimka 24, Bydgoszczy, Polujo.
Francisco Trillo, Espanoleto, 3, MADRID (Hispaujo).
S-ro Lazaro Abramovic, Ĥarkovskaja 65, Bahmut Doubass, Ukrajnio (Ruslando) deziras korespondi per leteroj kaj p.k. il. (bfl.).
Yoshi H. Ishiguro, P. O. Box 46, Nagoya, Japanujo; p. k.; p. m.; gazet., revuoj, libroj & fotogr.





## 375 paĝojn

de praktika Esperanto vi trovas en la ĝisnuna kolekto de

**Internacia**

# Komerca Revuo

Tiu revuo estas plej grava, ĉar ĝi praktike utiligas la lingvon!

Vi devas absolute subteni ĝin!

Specimenon petu de la eldonejo en **Zürich** (Svisl.), Stampfenbachstr. 69.

---

**Ofico serĉata.** — Pola junulo, sperta librotesto, scianta perfekte lingvojn germanan rusan, polan kaj Esperantan, kaj iom francan kaj anglan, petos oficon en Belgujo. Modestaj pretendoj pri salajro. Skribu al Benjamin Klajnerman, ul. Chrobrejo 11, I, Bidgoŝĉ (Polujo)

DEZIRAS KORESPONDI :

Pavlu Stepanoviĉu Serebrjakovu, dovostrebovanija, Poŝtamt, Kazan (Rusl.).
Sigurd Samuelsen, Namsos (Norvegujo).
L. Bois, 36 Avenue des Maronniers, St. Ouen-Paris (Francujo).
Ladislao Smolen, Matopolska Meçina (Polujo).
Mihail P. Genovski, gara Levski (Bulgarujo).
Paul Alig. Kònigstrasse 26, Halle (Germanujo).
L. Daniel, Hronovicka, 640, Pardubice (Ĉeskoslovakujo).
J. Verschy, Spitalgasse, 18, Reichenberg (Ĉeskoslovakujo).
V. Domagalski, ul. Lipova 4, Leszno (Polujo).
Curt Berthold, Schönau Neustadt No 16 C. (Germanujo).
Alberto Weber, Hochwaldstr. 6, Altwasser II (Silezio).
Theo Heeger, Gottschackgasse 5/4, Wien XI (Aŭstrujo).
Heinrich Heutmann, Bohmerstr. 16, Gladbek (Germanujo).
Jan Rehak, Tomkova 433, Brevnov-Praha (Ĉehoslovak).
Joh. Idla, 3 üksik jalavae pataljoni Staap, Valk (Estonujo).
Francisko Matkovsky, Cienma 23, Czestochowa (Polujo).
Rofe Pragoljub, oficisto, Ljubljanske kreditue banke, Split (Serbujo).
Alfons Kôller, Schupo 3/100, Merseburg a/S., (Germanujo).
Felisjan Kropielnicki, ziem. Vilenska, Daniuŝevo,poĉ.Smorgonie.(Polujo)
Eric Höglund, Ostra Hemug, 20, Göteborg (Svedujo).
Marcel Foucher, Place Henri IV, Meaux (S. & M.) Francujo.
Josef Philipp, X Bz. Peinerstorfergasse 51/11a, Wienn (Aŭstrujo).
Alfons Hermann, Triftstr. 1, Cleve a/Rh., (Germanujo)
Josef Duka, Schatzlar (Ĉehoslovakujo).
A. Aktiainen, Laivurinstr. 21, Helsingfors (Finnlando).
Herbert Neugebauer, Sadowastr. 7, Breslau (Germanujo).
Elly Tomcsany, Aszod Hungarujo).
Zoltano Balzazsy, Aszod (Hungarujo).
Leopold Schindler, ĉe Miatek, Sviadnov 118, Moravio (Ĉehoslovak).
Otto Schickfluss, Karlstrasse 44, Breslaŭ (German.).
Frico Lehmann, Neundorferstr. 175.12., Plauen ./Vogtl. (German.).
Wilh. Schmidt, Geresheimerstr., 92. II, Düsseldorf (German.).
Alois Giesen, Kolpingstr. 25, Cleve (German.)
Duro Bibic, Kroj. Pomocnik Mesnicka ul. 6, Zagreb (Jugoslavujo).
Francisko Illes, Mohaes utca 18 b. II. 7, Budapeŝt, (Hungar).
Egon Schaden, lernanto, Sao Bonifacio, Correio de Theresopolis, Estado de Sta Catharina (Brazil).
Friĉo Gerstner, Karlsruhe-Rintheim (Germanujo).
Safir Slovov, Ĉirpanska 5, Varna (Bulgarujo).
Ella Eichler, Klopstockstr. 4, I, Dresden Cotta (Gemanujo).
Dimitri St. Ivanof. Str. Malriĉa kvartalo 114, Rusĉuka (Bulgarujo).
Jaroslav Melichar, adjunkt. C.s.d., Jiĉin (Ĉehoslovakujo). P. mark.
S-ro Dreiskemper, Essen-Borbeck (Germanujo).
Mleczyslaw Borucki, ul Warminskiego 23, Bydgoszcz (Polujo).
A. M. Koninge, Markt, 61, Roosendaal (Holando).
Aleksandro Trahterov, Tverskoj-bulvar 25,Stepuhoviĉ,Moskvo (Rusujo).
Maks Vinarski, Roĵdestvenskaja 56, Bahmut (Don. gub.) Ukrainio.
Elio Smolenski, Ĥarjkovskaja 50, Bahmut (Don. gub.) Ukrainio.

Aldono al «BELGA ESPERANTISTO» 1922, No 92-93

# XV^a Universala Kongreso de Esperanto

## Nürnberg

(2. — 8. Aŭgusto 1923)

**Leter- kaj telegramadreso: Esperanto, Nürnberg.**



**Skribu tre legeble!** **Skribu tre legeble!**

Mendoj ne akompanataj de la kongreskotizoj ne estas plenumataj.

# ALIĜILO.

Mi subskribint (in) o aliĝas la Dekkvinan Universalan Kongreson de Esperanto kaj mendas:

...... kongresa ... n karto ... n po .............. ..............................

Mi sendas ĉi-kune per .............. la sumon de ..............................

Familia nomo [1]) (S~~o~~, S~~ino~~, F~~ino~~) ..............................

Antaŭnomo [1]) ..............................

Profesio [2]) ..............................

Strato kaj numero [1]) ..............................

Urbo [1]) ..............................

Provinco [1]) ..............................

Lando [2]) ..............................

Dato: Subskribo:

.............................. 192 .... ..............................

Eksterlandanoj pagu nur per monbiletoj aŭ bankĉeko.

[1]) en nacia lingvo. [2]) en Esperanto.

Germanoj sendu monon nur al Esperanto, Nürnberg.

Poŝtĉeka konto nro: 26800 Nürnberg.

**Vidu dorsen!**

# Loĝado.

Mi deziras lui........ ĉambro......n kun...... lito...... por...... tagoj kun — sen — matenmanĝo
de unua rango — dua rango — tria rango
en hotelo — private — en komuna loĝejo.

Mi — ne — estas vegetaristo.

Dato de alveno ........................................

Mi ĉeestos la jena......n faka......n kunsido......n:

..........................................................................

..........................................................................

Por la donaca kaso mi sendas ĉi-kune: ........................

Por la garantia kapitalo mi notas: ........................

Por la blindula kaso mi pagas ĉi-kune: ........................

# Kongreskotizoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Belgoj . . . . . | 30 frankoj | Nederlandanoj . . | 10 guldenoj |
| Britoj . . . . . | 20 ŝilingoj | Norvegoj . . . . | 20 kronoj |
| Danoj . . . . . | 20 kronoj | Svedoj . . . . | 15 kronoj |
| Ĉekoslovakoj . . . | 50 kronoj | Svisoj . . . . . | 20 frankoj |
| Finnlandanoj . . . | 75 markoj | Usonanoj . . . | 4 dolaroj |
| Francoj . . . . . | 30 frankoj | Aŭstroj | 200 germanaj markoj |
| Germanoj . . . . | 200 markoj | Hungaroj | 200 germanaj markoj |
| Hispanoj . . . . | 25 pesetoj | Poloj | 200 germanaj markoj |
| Italoj . . . . . | 50 liroj | Rusoj | 200 germanaj markoj |

Ĉiu pagu en la mono de sia lando per monbileto aŭ bankĉeko. Samideanoj el landoj kun aliaj monunuoj ol la suprenomitaj pagu aŭ dolarojn aŭ ŝilingojn aŭ guldenojn aŭ svisajn frankojn aŭ petu pri speciala aranĝo.

Favorkotizoj por familianoj ne ekzistas.

Kiu aliĝos post la 1a de Junio pagos plialtigon de 50%.

Repago de kotizoj ne okazas.

La unuaj mil aliĝontoj ricevas priurban donacon.

# Propono pri la dato kaj la organizo de la Belga Kongreso Esperantista en 1923a.

Kiel dum la du antaŭaj, tiel ankaŭ dum la tria Semajnoduo, kiu okazis en la Bruselo-Mondpalaco, de la 20a de aŭgusto ĝis la 3a de septembro lasta, kelkaj Esperantistaj paroladantoj traktis diversajn temojn en nia lingvo por montri ĝian taŭgecon ĉiuflankan. Ni devas peni resti en tiuj ĉiujaraj manifestacioj de la spirito, kaj eĉ kelkaj el niaj Samideanoj starigis komitaton por havigi al la Semajnoduoj diversnaciajn paroladantojn esperantlingvajn. Sed ĉiuj gesamideanoj, kiuj ĉeestis la paroladojn nunjarajn, opinias ke ni devus peni venigi pli da publiko ne-esperantista al tiuj kunvenoj, kaj ke cetere la esperantistoj mem devus ĉeesti pli multnombre al la Semajnoduo: tiamaniere ni pruvus pli praktike kaj impone la meritojn de nia lingvo. Tial, ĉiuj ĉeestintoj opinias, ke la plej bona rimedo por tio, estas organizi dum la Semajnoduo de1923a ne nur diversnacianajn paroladojn, sed ankaŭ nian nacian kongreson mem.

Tio ŝajnas tiom pli dezirinda kaj facile realigebla ĉar:

1°) Ĝis nun ni ne havas en Belgujo ian difinitan urbon, kie oni estas preta por organizi nian venontan nacian kongreson ;

2°) ke la kongreso profitus je ĉiuj facilaĵoj kaj avantaĝoj materiaj kaj spiritaj de la semajoduo de kiu ĝi estus parto: la organizantoj de la kongreso ne devus okupi sin pri la manĝoj nek pri la loĝado, ĉar tio estus aranĝebla kune kun la organizaĵoj de la semajnoduo, aŭ pli bone nur de tiuj lastaj solaj: tio estus grava plisimpligo de la afero! Niaj Bruselaj geamikoj certe ne ŝanceliĝus en tiuj kondiĉoj organizi la kongreson ;

3e) ĉar ni trovus grandan, simpatian kaj seriozan publikon ne-esperantistan en la multnombraj kaj diversnaciaj partoprenantoj de la semajnoduo, inter kiuj la plej efika propagando estus do ebla. La sperto pruvis ke, por tio, ni devus disponi je sufiĉa kvanto da diverslingvaj propagandiloj.

Por agi praktike ni devus organizi la kongreson tute serioze (ekz. neniu sekvantaro kun standardoj tra la urbaj stratoj estus necesa: tio estas nur utila kiam nia kongreso okazas sola en malgranda urbo; sed la standardoj de niaj Esperantistaj Societoj tre taŭge povus ornami la kongresan ĉambron); kaj ni devus okazigi ĝin (kaj ankaŭ la paroladojn) la sabaton 27an, dimanĉon 28an kaj lundon 29an de aŭgusto 1923a, t.e. meze de la semajnoduo. La paroladoj diversnaciaj okazus matene, ĉefe la sabaton kaj la lundon, (t.e. samtempe kiel la aliaj paroladoj kaj lecionoj de la semajnoduo), la kongresaj kunsidoj, posttagmeze au vespere aŭ la dimanĉon matene.

La Bruselaj geamikoj devus peni por okazigi koncerton aŭ teatran prezentadon Esperantan tre seriozan, alireblan por ĉiuj partoprenantoj de la semajnoduo kaj enskribitan en ĝia programo, kiel

cetere la kongreso mem, aŭ ili intermetigu kelkajn esperantajojn en alia ĝenerala vesperfesto, se eble.

Speciala akcepto de la komunuma estraro kaj aparta festeno ne okazus: la geesperantistoj liberaj povus partopreni la akcepton en la urbdomo, kiu fermas la tutan semajnoduon, la lastan sabaton 3an de septembro.

Fine ni rimarkigu, ke la semajnoduoj ordinare ne koincidas kun la universalaj kongresoj de Esperanto, sed sekvas ilin kaj krome, ke tiel nia kongreso falus meze en epoko kiam multaj personoj ĝuas libertempon, kio estas do tre favoraj cirkonstancoj por altiri al ĝi multajn alinaciajn samideanojn.

Jen, karaj geamikoj, kelkaj gvidaj principoj laŭ kiuj nia unue venonta nacia kongreso estus organizebla.

L. COGEN.

Ninove, la 3an de Septembro 1922.

# Por la Monumento Zamenhof

SEPA LISTO :

| | | |
|---|---|---|
| S-ino kaj F-ino Van den Bulck, Ixelles, | Fr. | 10.— |
| Emilio Baéz, St. Gilles. | | 5.— |
| | | 15.— |
| Antaŭaj listoj : | Fr. | 949.— |
| Sumo : | | 964.— |

**Legantoj de B. E. !** Ĉu vi ĉiuj jam faris vian devon donacante ion por la monumento al nia Majstro ? Ni firme esperas, ke vi donos al ni la okazon, noti ankoraŭ tiun jaron, sumon de pli ol **mil frankaj** (Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto No 284,20. Antverpeno).

POR « ESPERANTA LIGILO » DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ.

Oka Listo :

| | | |
|---|---|---|
| Vendado laŭ amerika aŭkcido de 1 ekzemplero de «Blinda Rozo», dum intima festo de ĉehoslovakaj esperantistoj en Grupo « La Verda Stelo », Antverpeno | Fr. | 65.— |
| Antaŭaj listoj : | | 601.70 |
| Sumo: | Fr. | 666.70 |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto N°284.20 Antverpeno).

# Dua internacia Kongreso de Blinduloj-Esperantistoj

KELKAJ NOTOJ

Ĉi tiun jaron okazis en Helsinki ne nur nia XIVa, sed ankaŭ la IIa de la Blinda samideanaro, kies unua estis organizita en Praha. Ankaŭ la blindularo povas noti bonan sukceson, kiel montros la sekvantaj informoj.

Mardon, la 8an de Augusto, okazis la solena malfermo, dum kiu, post elekto de la Kongresa Komitato, oni aŭdis la salutojn oficialajn kaj naciajn. Ankaŭ saluttelegramoj kaj leteroj estis ricevitaj kaj senditaj.

Dum la kvin laborkunsidoj de nia blindulkongreso, tre gravaj demandoj estis pritraktataj, i. a. :

La fondo de Internacia Blindulasocio, kiu, kvankam ne jam solvita, tamen baldaŭ solviĝos.

En pli malfeliĉa stato troviĝas la problemo pri Internacia Materialvendejo por Blinduloj pro... mizera valutstato !

Internacia Informejo kaj Statistikejo pri profesioj estas kreata en Praha, sub gvidado de S-ro Prof. Stejskal.

Internacia blindulbiblioteko funkcias en Leipzig.

Tre gravaj kaj interesaj referatoj estis prezentitaj al la kongresanaro pri: «Blindulo kaj Alkoholismo» kaj «Blindula Edziĝo, de Sro. Stejskal, kaj ankaŭ pri «Instruado de duonvidaj infanoj» de Fna Melchior (blinda Danino).

La diskutado pri la Ŝtata Kompensaĵo pro Blindeco, havigis informojn el diversaj landoj.

Sro. Filss (Erfurt'a blindulo) interesigis nin pri kelkaj aparatoj ebligantaj al blinduloj skribi latinskribe !

Plie oni havis okazon akiri diversspecajn informojn pri kelkaj flankoj de la blinduldemando,ĉar en la kongreso partoprenis 53 personoj (grava nombro konsiderante la geografiajn cirkonstancojn!) el 12 nacioj.

Laŭ praktika vidpunkto la Dua kongreso estis tre grava, sed ankaŭ aliajn allogaĵojn enhavis la programo.

La blindulkongresanoj evidente partoprenis kelkajn aranĝojn de la ĉefkongreso,.. eĉ la kostumbalon kelkaj dancemaj blindulinoj ĝuis !

Interkonatiĝa vespero, intimaj amuzaj festetkunestoj, ekskursoj unuvorte, nenio estis forgesita por ke ankaŭ niaj senvidaj gesamideanoj kunportu ĝojan memoron pri la Dua !...

Granda estas la ĝojo, la feliĉo de la senviduloj povante per Esperanto interkonatiĝi, interparoli kun eksterlandaj samsortanoj, kaj komune akceli plibonigon de sia stato, ĉar alie ili ja estas izolaj, en la popolamasoj !

Granda estas ilia dankemo al nia Majstro ! V. Hendricx.

# IXaj Internaciaj Floraj Ludoj

— Literatura Konkurso —

Gazeto « Kataluna Esperantisto » de Aŭg.-Sept. 1922 enhavas Alvokon al la Esperantistaj verkistoj por partopreni en la Internaciaj konkursoj de 1923.

La ORDINARAJ TEMOJ estas: A) Originalaj tekstoj:

I. Originala versaĵo kantanta Amon. II. Originala Ama verko en prozo.

B) Tradukitaj tekstoj:

I. Traduko de kataluna versaĵo «Caballeres Vellutades (Divendres Sant)» 69 linioj. II. Traduko de la kataluna prozaĵo : «L'amor a l'ofici — Bernard Palissy» 131 linioj.

La EKSTERORDINARAJ TEMOJ konsistas el 13 laŭvolaj -kaj 6 difinitaj temoj, prezentitaj de diversaj oficialaj kaj neoficialaj institucioj, kaj de lokaj eminentuloj, kiuj dediĉas al la laŭreatoj diversajn monajn kaj objektajn premiojn. La difinitaj temoj estas: Esperanto ĉe la asocioj de komercaj komizoj; Ĉarmo de la muziko; Mutualismo; Traduko de la popola kataluna kanto «La preso de Lleida» ; Versaĵo el du strofoj de 12 linioj, adaptebla je muziko kaj taŭga kiel himno de la Societo «Nova Sento»; Severa unueco, nepra kondiĉo de internacia lingvo.

La lasta templimo por la alsendo de manuskriptoj estas la 31a de januaro 1923. La plenan programon kaj kondiĉaron oni petu de S-ro Marian Sola, Sekretario de la Int. Floraj Ludoj, strato Carme 30, Barcelona.

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg

AL LA TUTMONDA ESPERANTISTARO!

Kun granda ĝojo kaj entuziasmo ni sciiĝis, ke la kongreso en Helsinki akceptis nian inviton, elektante Nürnbergon kiel kongresurbon por 1923. Kore ni dankas al niaj samideanoj el ĉiuj landoj pro la granda konfido, montrita per tiu decido. Bone ni sentas la gravan respondecon. Ni promesas labori kun streĉitaj fortoj por solvi kontentige la malfacilan taskon kaj certigi al nia XV-a sukcesplenan kaj brilan daŭriĝon.

Kompreneble ni solaj ne povos plenumi la grandegan verkon. Ni bezonas la apogon kaj subtenon de ĉiuj. Pro tio, karaj ŝatataj samideanoj, ni direktas al vi la insistan kaj koran peton: Helpu nin! Venu ĉiuj! Varbu novajn anojn kaj kunvenigu ilin, por ke la XV-a estiĝu grandioza kaj impona manifestacio! Aliĝu kiel eble plej baldaŭ por

certigi la budĝeton! Sciigu al ni ĝustatempe ĉiujn viajn dezirojn kaj iniciatojn, por ke ni profitu ilin!

La XV-a havos specialan gravecon en la historio de Esperanto. Ĝi estu revuo kaj bilanco de la ĝisnuna atingito kaj liveru al la mondo la konvinkan pruvon por la realigebleco de nia sublima ideo.

Nürnberg, la lulilo de Esperanto, vidu ankaŭ ĝian triumfon!

La Esperanto-Kartelo Nürnberg-Fürth

2-8 Aug. 1923.

---

Unua Cirkulero.

1. **Starigo de L. K. K.** La Loka Kongresa Komitato, elektita de la Esperanto-Kartelo Nürnberg-Fürth, konsistas el jenaj personoj:

S-ro D-ro Richard Ledermann, prezidanto (ĝenerala organizo), S-o Otto Pilhofer, I-a vicprezidanto (propagando); So Dro Heinrich Orthal, II-a vicprezidanto (gazetaro); S-o Max Hörigsberger, sekretario (financoj); S-o Lorenz Meyer (plezuraĵoj); S-o Emil Muscat (loĝigo); S-o Heinrich Nass (akceptejo); S-o Alfred Meyer Kirstin (oficejo).

2. Adreso. La oficiala leter- kaj telegramadreso de L. K. K. estas: Esperanto, Nürenberg. — Ĉiuj korespondaĵoj koncernantaj kongresajn aferojn, ankaŭ monsendoj, estu adresataj nur al tiu adreso.

3. Aliĝo. Samideanoj, dezirantaj aliĝi al la XV-a, estas petataj uzi la aliĝilojn eldonotajn de la L. K. K. La aliĝiloj estos dissendataj pere de la tutmonda Esp. gazetaro, dum oktobro-novembro. Samideanoj, kiuj tiel ne ricevos ia aliĝilon, petu ĝin de L. K. K.

Ĉar por bona prosperado de la kongresaj preparoj estas tre necese, ke la L. K. K. jam tuj en la komenco havu je sia dispono sufiĉe da mono, la samideanoj-aliĝontoj estas serioze petataj kiel eble plej baldaŭ aliĝi kaj pagi la kotizon.

4. Kotizo. La Kongresa Kotizo, tre malfacile fiksebla en la nunaj valutaj cirkonstancoj, estos publikata interkonsente kun la K. K. K. en la dua cirkulero.

5. **Fakaj kunsidoj.** Same kiel en antaŭaj kongresoj, okazos ankaŭ en 1923 specialaj fakaj kunsidoj. Pri eventualaj deziroj ni petas kiel eble plej baldaŭ informi la L. K. K.

6. **Oficiala organo.** Kiel oficialan organon de L. K. K. ni elektis la neŭtralan, sendependan kaj ĉiusemajnan gazeton « Esperanto Triumfonta », kiu publikos ĉiujn niajn prikongresajn komunikojn kaj transdonos al la cetera Esp. gazetaro. Jen, laŭ nia opinio, la plej rapida kaj malkara vojo por diskonigi la kongresaĵojn al la tutmonda Esperantistaro.

Loka Kongresa Komitato:
D-ro Ledermann.

# Mia Ŝtrumpo plendas

Estis malvarmeta, freŝa nokto. Miloj da steloj movbrilis sur la ĉiela arkaĵo kaj la luno afable brilis. Ĝi gaje dissendis siajn radiojn sur la domojn kaj scivole enrigardis en la ĉambrojn de ili, volante scii tion, kio okazis tie ĉi kaj tie. Nun denove pentris petolema radieto en malluman ĉambron-la loĝantoj jam estis dormantaj-kaj nia luneto vidis tie, kiel ŝtrumpo, malgaja kaj ĝemetanta, duone pendis de seĝo.

— «He!» ĝi pensis, «kial do ĝi tiel ĝemetadus?» kaj la luno kriis: «Ŝtrumpeto, kara ŝtrumpeto, kial vi tiel ĝemetadas?»

— He, Luneto,» respondis la ŝtrumpeto, «se vi tion scius! Mi ja havas tiel kruelegan doloron en mia piedo! Mia mastrineto kurante faris ja tri truojn en ĝi kaj tiuj rompitaj fadenoj min kruele suferigas. Kaj morgaŭ, luneto mia, estas la tago de la lesivado. Tiam patrino min prenos por purigi min, kaj tiam mi tiel forte estos frotata kaj skuata, ke mi laŭtvoĉe ploregos. Sed, o ve, oni ne atentas pri mi, kaj mi ĉiam restadas nigra kiel antaŭe, malgraŭ ĉiu tiu frotado. Mi deziregas, ke mi estu tute blanka kiel Fraŭlino Pantalono. Ĝi ĉiam fanfaronadas pri sia blankeco kaj rigardas tiel malestime al mi. Kaj luneto mia, kiam mi estos lavita, tiam tiuj teruraj truoj en mi estos fermataj. Pikanta, ŝtala aĵo, nomata kudrilo, pasados, enirante kaj elirante, tra mia korpo, kaj plorigos... ploregigos min.

O! Kara luno, mi ja estas malfeliĉa! Mia mastrineto, tute ne havas amikecon por mi. Ĉiam ŝi senkompate traktadas min, kaj Fraŭlino Pantalono kaj Fraŭlino Ĉemizo estas tiel ŝatataj de ŝi. Tiuj havas tiel multajn beletajn puntetojn ĉirkaŭ la korpo.

O! mi ja havis tiel tranviletan vivon, kiam mi ankoraŭ estis kun multaj el miaj fratinoj en tiu grandega butiko. Multnombraj personoj tiam venis por rigardi al mi kaj por provpalpi min, kaj kiel granda estis mia ĝojo, kiam tiu knabino kun ŝia patrino aĉetis min. Sed, tiam mi ankoraŭ ne sciis mian estonton.

Diru al mi, luneto mia, ĉu esti morta ne estas superbela? Mi volus morti.»

— «Fi, ŝtrumpeto, morti?» demandis la luno, «ĉu vi ne scias, kara ŝtrumpeto, ke la vivo ĉiam estas pli dolĉa ol la morto, eĉ tiam, kiam oni suferadas kiel eble plej multe? Kaj ĉu vi ankaŭ scias, ŝtrumpeto, ke multaj el viaj amikinoj pli kruele suferadas ol vi? Fidu al mi, ŝtrumpeto, mi scias kaj vidis multe da aferoj, kaj mi diras al vi : ekzistas en la mondo, pli gravaj malfeliĉaĵoj ol via: via ĉagreno kaj viaj doloroj estas sensignifaj !»

Elv. De Belder.

(Lernantino de la Unuagrada Ĉeflernejo 2, Antverpeno.)

El Flandra lingvo esperantigis: C. Schroeyers.

# Dramo

LA SONORILOJ DE ĤILO.
(Monologo.)

(Oni deklamas tre drame.)

) Tie, en la malproksimego troviĝas malluma arbarego; kaj en tiu arbarego troviĝas profunda lageto; sed en tiu ĉi lageto estas belega domego. Sur la domego, ho! estas terure! sur la domego troviĝas turo, sed en tiu turo, en la turo pendas sonorilego. Nu, en tiu ĉi sonorilo pendas martelo. (Apenaŭ la deklamanto diras la lastan vorton, ke oni de malantaŭ la scenejo krias al li: «Frenezulo! kaj li foriras dirante: «Ĉu vi diros plibone? Jes? Venu do!)

Denove la sama persono revenas kaj nun li balbutas la saman historion, ĝis kian oni krias ankaŭ al tiu ĉi balbutanto: «Frenezulo. «Tiu ĉi ankaŭ foriras kaj nun juna knabo venas por rakonti la historion, je akra tono kaj rapidete :

La sonoriloj de Ĥilo.

Tie, en malproksimego troviĝas malluma arbarego kaj en tiu ĉi arbarego estas arbarejo kaj sur la arbarejo pendis martelo, kaj en la martelo staras domego, sed sur la domego troviĝas lageto kaj en la lageto estis turo sed sur la turo,... en la turo... sur la sonorilo... estis arbaro... martelo... turo... lageto... sonorilo... domego...

(La knabo foriras plorante.) J. Karnas.

# Spritajoj

Tio helpis tamen. Kuracisto skribis recepton kaj donis ĝin al sia malsanulo kun la paroloj: «Tion vi devas enpreni morgaŭ.»

La paciento faris ĉion, kion la kuracisto diris, kaj manĝis la kuracilon kun la papero... kaj resaniĝis...

(E. Geersheuvels.)

---

La instruisto parolas pri la spirado. Por ke la lernantoj plej facile komprenus, li enspiras profunde per la nazo kaj poste demandas : «Kion mi faris nun?

Lernanto: «Vi forgesis vian naztukon, Sinjoro.»

---

Iu persono ricevas de sia amiko, kiu estis forveturinta Indujon leteron, kiu renfermis nur jenan frazon:

«La 20an de Majo mi alvenis en Batavia.»

Tre malkontenta pro tio, precipe ĉar li devis pagi 70 cendojn da puntakso, li pripensis rimedon por ke li ne plu ricevos tiajn leterojn.

Li sendis lin pakon ne afrankite kun pesa ŝtono kaj jenan leteron

«Kara amiko. Leginte vian leteron tiu ĉi ŝtono falis de mia koro.

(M. L'homme.)

---

Porknegocisto estis en vilaĝo X. por aĉeti porkojn kaj li deziris reiri hejmen per la lasta vagonaro. Sed la lasta vagonaro ne transportas porkojn; do la komercisto telegrafis hejmen:

«Ĉar la lasta vagonaro ne transportas porkojn, mi revenos nur morgaŭ.»

(De Cock.)

# Libera Parolejo

## NUR KELKAJ VORTOJ PRI PROPAGANDO.

En ĉiuj esperantistaj gazetoj, ni nun legas pri plej bonaj rimedoj por propagando por Esperanto. Ĉu vi permesos al mi eldiri malgrandan opinion?

Esperanto estis kreita kiel internacia perilo. Sed, antaŭ ol ni povos atingi tian celon, ni devos jam propagandi inter samnaciuloj kaj konvinki ilin ke lingvo arte farita estas taŭga por korespondado. Same, kiam ni komencas lerni Esperanton ni nur babilas inter ni. Kaj se ia fremdulo vizitas nin ni provas nian progreson, iom timeme...

Do, ni devas komenci inter ni. Mi provis tion-ĉi fari. Komercistoj, anoncantaj en nia gazeto, en « BELGA ESPERANTISTO » (mi preskaŭ diris: belega Esperantisto) estas tro malmultaj sed, kvankam mi skribis al ili, mi neniam ricevis respondon.

Laŭ mia opinio, ni devas utiligi ĉiujn okazojn por interrilatiĝo, ĉu skribe, ĉu parole. Iom post iom, ni povos pligrandigi nian aferon kaj atingi fremdulojn. Nia celo estos atingita.

P. BENOIT,
Grand Hôtel, Oostduinkerke.

# Akademio de Esperanto

## SEKCIO POR LA TEKNIKAJ KAJ SCIENCAJ VORTAROJ.

### UNUA CIRKULERO.

Ĉe la komenco de la jaro 1922, ĉar S[ro] D[ro] Corret sciigis al la Akademio, ke li ne povas, pro troa laborado, daŭrigi la gvidadon de la Akademia Sekcio por la sciencaj kaj teknikaj vortaroj, la Akademio decidis komisii S[ron] Rollet de l'Isle kiel Direktoron de tiu Sekcio.

Sed tiu Sekcio de nun estas tute sendependa de la Akademio kaj la Direktoro — kiu ne estas Akademiano — rajtas organizi ĝian laboron kaj ĝian funkciadon laŭ siaj propraj ideoj. Li interrilatas kun la Akademio nur, por prezenti al ĝi proponojn pri oficialigo de vortoj kaj terminoj.

Ĉar tiu Sekcio havas neniun propran agrimedon, la direktoro petis de la Internacia Scienca Asocio, nun en formado, ke ĝi bonvolu helpi la laboradon de la Sekcio. Tiu Asocio principe akceptis; sekve, la cirkuleroj kaj ĝeneralaj oficialaj informoj de la Sekcio estos publikigataj en aparta parto de la Scienca Revuo, organo de tiu Asocio, kiu baldaŭ aperos, kaj la aliaj elspezoj de la Sekcio estos pagataj de la Asocio.

La alprenita de ni organizado de la laboro, kiun ni ĉi sube montros, rezultas de du ĉefaj ideoj:

1e La unua estas, ke la verkado de teknika aŭ scienca terminaro estas tiel grava tasko kaj necesigas tiel grandan laboron, ke ĝi povas esti entreprenata nur de bonvola Esperantisto. Sekve, ĉar tiuj bonvolaj samideanoj, tute kompreneble, elektas mem la fakojn, pri kiuj ili deziras verki, oni ne sukcesos ricevi tre laŭsisteman progresadon de la laborado; sed oni ricevos rezultatojn, kio estas preferinda. Aliparte, la Direktoro montros la plej utile farindajn verkojn kaj eble tiamaniere gvidos la elekton de la laboremuloj.

2e La dua ideo estas, ke nur sufiĉe longa uzado kapabligas pruvi, ĉu proponata vorto estas taŭga. Sekve, estas rekomendate al la teknikistoj, uzi la vortojn proponitajn en la jam publikigitaj terminaroj aŭ en tiuj, kiuj estos publikigataj kun la aprobo de la Direktoro; tamen ili sendos al tiu Direktoro siajn rimarkojn pri la uzataj vortoj kaj proponojn pri ŝanĝo. Tiuj sciigoj estos konsiderataj antaŭ oficialigo.

Por montri la funkciadon de la Sekcio, ni donas ekzemplon kaj klarigos sinsekve la diversajn partojn de la laborado.

## PREPARADO DE LA LABORO.

1e Sro A, dezirante verki terminaron de la fako F., sciigas tiun intencon al la Direktoro, konigante plej precize la difinon kaj la limojn de tiu fako.

2e La Direktoro sciigas al Sro A:

a) ĉu jam ekzistas, aŭ ne, terminaro de tiu fako; ĉu ekzistas terminaroj de najbaraj fakoj; ĉu iu samideano jam proponis aŭ eĉ komencis verki tian terminaron. Laŭokaze la Direktoro limigas la verkon proponitan de Sro A (Ekzemple povas okazi, ke en fako de metio jam estas verkita la teoria parto).

b) laŭ demando de Sro A, kiamaniere li povas havigi al si la nacilingvajn vortarojn aŭ lernolibrojn rilatajn al la fako F aŭ la multlingvajn terminarojn publikigitajn en kelkaj landoj. Samtempe la Direktoro sendos al Sro A la broŝuron titolitan «Konsiloj por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj», sed nur pruntedone.

3e La Direktoro publikigas en Scienca Revuo intencon de Sro A, verki terminaron de la fako F, kaj alvokon al la teknikistoj Esperantistaj, por ke tiuj, kiuj intencas helpi Sron A, konigu al li sian nomon kaj sian adreson.

4e Ricevinte tiujn sciigojn, Sro A organizas la laboron laŭ la sekvanta maniero (Ni de nun nomas Sron A la fakestro.).

## II. LABORMETODO.

1e La fakestro elektas la vortojn kaj esprimojn, kiuj estas entenotaj en la terminaro. Tiu elekto povas esti farata, uzante ĉu lernolibron, ĉu teknikan nacian vortaron, ĉu konsilon de specialisto.

Ĉiu el tiuj vortoj aŭ esprimoj estas skribata sur aparta paperfolio, en la nacia lingvo de la fakestro, kun la tradukoj en kelkaj aliaj naciaj lingvoj (sed nur, se tiuj lastaj estas certaj). Estos aldonataj, se eble:

a) Klarigo en Esperanto, uzante teknikajn vortojn de la lingvo de la fakestro, se ne jam ekzistas la Esperantaj; oni povas ankaŭ uzi bildon.

b) Aro de la teknikaj esprimoj aŭ kunmetitaj vortoj, en kiuj, en la nacia lingvo de la fakestro, tiu vorto estas uzata.

2e Tiuj paperfolioj estas are sendataj de la fakestro al ĉiu el liaj kunlaborantoj, por ke ĉiu skribu la tradukon de la vortoj aŭ esprimoj en sia propra nacia lingvo. Tiamaniere la fakestro ricevos sinsekve la nacilingvajn tradukojn; sufiĉas aliparte, ke oni havu la tradukon en la ĉefaj naciaj lingvoj (angla, franca, germana, hispana, itala, rusa) kaj en kelkaj okazoj, en la latina kaj la greka lingvoj.

3e Kiam ĉiuj kunlaborantoj estos skribintaj la nacilingvajn tradukojn (ili rajtas kaj eĉ devas aldoni vortojn aŭ esprimojn al tiuj proponitaj, se ili konstatas mankojn), la fakestro elektas la Esperantajn formojn kaj sendas de nove la aron de la paperfolioj al siaj kunlaborantoj. Estas rimarkinde, ke tiuj lastaj povas esti aliaj ol la unuaj.

4e Fine, kiam ĉiuj opinioj estas ricevitaj, la fakestro elektas la proponotajn solvojn (post, se necese, nova diskutado kun la kunlaborantoj, kiam ne estas unuanimeco), kaj li preparas la tekston kaj vortaron por la publikigado laŭ la maniero, kiun ni donas ĉi sube.

5e La verko aranĝita por la publikigado estas sendata al la Direktoro, kune kun la preparaj dokumentoj, t. e. la paperfolioj, kaj tiu lasta ekzamenas la proponatajn vortojn je la vidpunkto de la obeo al la fundamentaj principoj de la Zamenhofa lingvo laŭ la ideoj esprimitaj de Sro Verax kaj aprobitaj de Sro Cart (publikigitaj en «Scienca Gazeto» 1912, 2-3) kiujn ni publikigos en venonta cirkulero.

6e Post kiam tuta interkonsento estas atingita pri la alprenotaj vortoj inter la Direktoro kaj la fakestro, la Direktoro okupiĝas pri la publikigado.

Rimarkoj: Kompreneble, la labormetodo ĉi supre montrita estas rekomendata de la Direktoro, ĉar konsilinda por la unuformeco de la komuna laboro, sed ĝi ne estas deviga.

Ĉiu bonvolu sciigi la Direktoron pri la plurlingvaj metiaj aŭ teknikaj vortaroj de li konataj, por pliriĉigi la jam starigitan liston : notu la aŭtoron, la titolon, la eldoniston, la koston...

Ĉiu zorge skribu plej legeble, nur sur unu flanko de l'papero, eĉ dum la preparaj laboroj. Ĉiu memoru, ke la uzo de slipoj ŝparigas tempon kaj faciligas la laboron, ke iu ajn presisto povas plej facile havigi al vi slipojn preskaŭ senkoste, ilin tranĉante el malnovaj paperaĵoj, kaj ke sagaca Esperantisto konigas siajn nomon kaj precizan adreson per stampilo.

(Daŭrigota.)'

# Esperanto in den Volkenbond

De Volkenbond, die reeds meermalen verzoekschriften had ontvangen ten doel hebbende het aannemen van een internationale hulptaal, heeft in zijn tweeden zittijd (1921), aan zijn Secretariaat opgedragen een onderzoek te maken over Esperanto en een uitgebreid verslag over zijn bevindingen over te leggen aan de derde zitting, die nu in September laatst plaats had. In ons laatste nummer hebben wij de aanmoedigende beslissing medegedeeld die er betrekkelijk deze zaak genomen werd. Wij houden er aan onze inlichtingen te volledigen door een zeer beknopt overzicht van het rijkelijk met bewijsstukken voorzien verslag door het algemeen sekretariaat voorgelegd.

Wij roepen de aandacht in van het publiek op de volgende feiten, vermeld in bewust verslag :

1. dat men overal de noodwendigheid vaststelt van een internationale hulptaal voor het vergemakkelijken der betrekkingen tusschen de volkeren ;

2. dat vereenigingen voor handel en wetenschap, die de zaak bestudeerd hebben, de voorkeur geven aan een eenvoudige en onzijdige taal, en in 't algemeen Esperanto aanbevelen;

3. dat Esperanto de volmaakste schijnt te zijn ;

4. dat Esperanto, door zijn 35 jarige inpraktijkstelling, het karakter van een levende taal verworven heeft, en zich nog verder kan ontwikkelen ;

5. dat Esperanto reeds verschillende officieele erkenningen bekomen heeft.

6. dat Esperanto acht of tienmaal gemakkelijker is dan een andere vreemde taal en dat men er toe komt het vloeiend te spreken zonder zich daarom in het buitenland te begeven;

7. dat Esperanto de schoolprogramma's niet overlast; dat het, integendeel, het aanleeren der andere talen verlicht;

8. dat pedagogen een officieele internationale goedkeuring van het Esperanto verlangen, ten einde een waarborg te bezitten over de normale evolutie van de taal, door het toezicht der Academie;

9. dat eenige staten het invoeren van Esperanto verdagen, alléén omdat zij op een soortgelijke beslissing wachten van een voldoend aantal andere landen;

10. dat verschillende regeeringen het Esperanto reeds officieel erkend hebben in den dienst der telegraphen ;

11. dat het gebruik van Esperanto een geest van wederlandsche solidariteit schijnt te ontwikkelen, in overeenstemming met de doeleinden van den Volkenbond;

12. dat de kracht eener taal een groote macht is en dat de Volkenbond alle redens heeft, om met een gansch bijzondere belangstelling den vooruitgang te volgen van de Esperantische beweging, die eens groote gevolgen zou kunnen hebben voor de moreele eenheid van de wereld, indien de verspreiding der taal algemeen werd.

# L'Esperanto à la Société des Nations

La Société des Nations, qui avait déjà reçu plusieurs fois des pétitions tendant à l'acceptation d'une langue internationale, a chargé, dans sa deuxième assemblée (1921), son Secrétariat de faire une enquête sur l'Esperanto et de présenter un rapport détaillé à la troisième session, qui a eu lieu en septembre dernier. Dans notre numéro précédent nous avons communiqué la décision encourageante de cette troisième Assemblée. Nous désirons cependant compléter notre information par un résumé très succint du rapport abondamment documenté et très étendu présenté par le Secrétariat Général

Il étudie d'une façon très détaillée le problème de la langue internationale sous toutes ses faces, puis examine l'histoire et l'importance de l'Esperanto, cite les pays où cette langue est plus ou moins officiellement introduite, et montre dans un chapitre spécial les usages qu'on peut faire et que l'on fait déjà de l'Esperanto dans la vie pratique.

Nous attirons l'attention du public sur les faits suivants mentionnés dans ce rapport:

1. que partout on constate le besoin urgent d'une langue auxiliaire pour faciliter les relations internationales;

2. que des associations scientifiques ou commerciales, ayant étudié la question, donnent la préférence à une langue simple et neutre, et recommandent en général l'Esperanto ;

3. que l'Esperanto semble être le plus parfait ;

4. que l'Esperanto, employé depuis 35 ans, a acquis le caractère d'une langue vivante et peut encore s'enrichir et évoluer;

5.que l'Esperanto a déjà reçu beaucoup de consécrations officielles;

6. que l'Espéranto est huit ou dix fois plus facile qu'une autre langue étrangère et qu'on arrive à le parler parfaitement sans avoir besoin de s'expatrier.

7. que l'Esperanto ne surcharge pas le programme des écoles; qu'au contraire il facilite l'étude des autres langues ;

8. que des pédagogues désirent une approbation officielle internationale de l'Esperanto, afin d'avoir une garantie au sujet de l'évolution normale de la langue par le contrôle de l'Académie ;

9. que quelques Etats ne diffèrent l'introduction officielle de l'Esperanto que parcequ'ils attendent une décision similaire d'un nombre suffisant d'autres pays ;

10. que divers gouvernements ont déjà reconnu officiellement l'Esperanto dans la télégraphie;

11. que l'emploi de l'Esperanto semble développer un esprit de solidarité internationale, conformément au but de la Ligue des Nations;

12. que la puissance du langage est une grande force et que la Société des Nations a de bonnes raisons pour suivre avec un intérêt tout particulier la marche du mouvement espérantiste, qui pourrait avoir un jour de grandes conséquences au point de vue de l'unité morale du monde, si sa diffusion se généralisait.

# Diversaj Informoj

IMITINDA EKZEMPLO. Nia sindonema samideano Sro. P. BENOIT decidis depreni 5 o/o de ĉiuj pagoj kiujn li ricevos de niaj samideanoj kiuj vizitos lin en lia «Grand Hotel OOSTDUINKERKE» Li jam sendis unuan pagon al la nia kasisto.

Vidu lian anoncon en nia revuo.

**Libera penso.** Dum la lasta germana esperanto kongreso 1922 en Breslau estas fondita de monistoj nova unuiĝo sub la nomo; «Internacia esperanta ligo de liberpensuloj kaj monistoj» kun la celoj: kunigi niajn monistajn samideanojn, disvastigi esperanton inter liberpensaj kaj monistaj mondoj, aranĝi fakkunsidojn je la diversaj naciaj kaj internaciaj esperanto - kaj liberpensuloj - kongresoj, eldoni gazeton.

La ligo estas neutrala rilate al politiko kaj nacieco. Adreso: Sro. Kurt Hubricht, Leipzig-Neustadt, Mariannenstraat., 30

LA « INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA » okazigis 19 ĝis 23 Aŭg. en Nijmegem (Nederlando) sian sepan kongreson, kiu bone sukcesis. Post pritraktado kaj oficiala akcepto de la diversaj regularoj de I. K. U. E., oni elektis la Ĉefestraron : Prezidanto Pro Mêstan (Wien), Vic-prez. Fino Larroche (Paris), Sekretario Sro P. Schendeler (Eindhoven, Nederlando), Vic-sekr. Sro Hookham (London).

El la diversaj kongresaj decidoj precipe estas citinda la elekto de speciala komisiono por teknika katolika vortaro, kiu kunlaboros kun la Sekcio por la teknikaj kaj sciencaj vortaroj. Plue oni komencis la tradukon de la Nova Testamento kaj de la ĉefaj katolikaj preĝoj.

P. A. Schendeler Ĝenerala Sekretario, Prins Hendrikstraat, 30e. Eindhoven (Nederland).

ALVOKO AL ĈIUJ KRISTANAJ GESAMIDEANOJ!

La Tutmonda Komitato de la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (K. A. J. V.), angle: Y. M. C. A., nun tiel bone favoris Esperanton, ke ĝi je la unua fojo sendis oficialan delegiton al la Kristana faka kunsido dum la XIVa Kongreso en Helsingfors. Do, la « Kristana Esperantista Ligo (K. E. L.) kuraĝas, plivastigi la propagandon inter aliaj internaciaj kristanaj organizoj kaj petas ĉiujn kunkristanojn; rapide helpi per sendo de ilia adreso, taŭgaj proponoj por la laboro kaj mondonacoj al Sro P. Hübner, Bergstrato 1a Quedlinburg (Germanlando). Tie ĉi oni donos ĉiujn necesajn informojn.

ALVOKO DE UNIVERSALA FRAMASONA LIGO AL ĈIULANDAJ FRAMASONOJ. — Laŭ la decido de la XIVa Kongreso en Helsinki, la proksimjara Kongreso okazos en **Nürnberg** (Germanujo).

Ni devas tre efike kaj ĉie labori por efektivigi en Nürnberg grandan kaj gravan kunsidon de U. F. L., pli brilan ankoraŭ ol la kunsidoj en Bern, Antwerpen, Dresden, Cambridge kaj Genève.

La kunveno en Nürnberg havu ankoraŭ alian gravan celon. En 1924 okazos en Bruselo « Internacia framasona Kongreso » aŭ Kunvento. Se ni kunvenos multnombre en Nürnberg, ni povas jam tie persone konatiĝi.

Havu la bonecon anonci vin al mi por ke la komitato en preparo povu je sufiĉe frua tempo aranĝi la aferon en plej bona maniero. Mi uzas la okazon peti niajn diverslandajn membrojn, ke ili sendu al mi kiel eble plej baldaŭ ilian jaran-kotizon; (2,5 frankojn). Despli ili ĝuos la proksiman jaron sian restadon en Nürnberg kaj la partoprenon al nia Templo — kaj aliaj frataj kunvenoj.

Estas necese, ke Esperanto fariĝu baldaŭ oficiala lingvo uzota en niaj estontaj internaciaj framasonaj Kongresoj. Tio estas eble se **ni aranĝos paroladojn en ĉiuj Framasonejoj**, sekvotaj de kursoj en nia kara lingvo speciale aranĝitaj por niaj FF., kaj se ni varbos novajn anojn al nia asocio. C. Barthel, Sekretario-Kas., Frankfurt a.M., Wôhlerstrasse, 14.

# Esperanto-Film No 8-9

Ĝi enhavas la nacilingvajn tekstojn de paĝoj 187, kaj 188, kaj estas aĉetebla je: Fr. 3.— por 50 ekzempleroj; Fr. 5.— por 100 ekz.; Fr. 20.— por 500 ekz,; Fr. 35.— por 1000 ekz.)

MENDU ANTAU LA 20a de NOVEMBRO ! !

# Aŭtonoma Muziknotado

En la numeroj de oktobro kaj novembro 1922 de la Genta revuo « Gand-Artistique » aperis artikolo pri la A. M. N. Tiu artikolo ne estas la nura traduko de tiu aperinta en B. E., sed estas konsiderota kiel dua, reviziita kaj pli ampleksa eldono de tiu lasta.

Baldaŭ aperos flandra kaj hispana tradukoj de la sama artikolo, kaj estas esperote, ke multaj alilandaj kaj alilingvaj samideanoj prezentiĝos por ĝin traduki ankaŭ en siaj naciaj lingvoj. Oni sin turnu por tio al S-o L. Cogen, 52 Dreef, Ninove (Belgujo), **kiu estos, aliflanke, feliĉa se la Esperantistoj bonvolus informi lin pri ĉiu propaganda fakto rilate al la AMN.**

Antaŭ kelka tempo, S-ro Hautstont publikigis la duan eldonon de la unua parto de sia « **kantlibro** » (solfège). Ĝi konsistas el ekzercoj pri la 12 notoj de la kromatika gamo en la taktoj 2, 3 kaj 4 tempoj kun kaj sen silentsignoj. La temoj de la ekzercoj estas ne nur originalaj, sed ankaŭ ĉerpitaj el la popolkanta trezoro de multaj popoloj. Tre interesa kaj utila libreto, zorge presita, kies kosto estas afrankite Fr. 2.10 en Belgujo, Fr. 2.20 por eksterlandanoj. Oni sin turnu al S-o Hautstont, rue de Ruysbroeck, 24, Bruselo.

# Bibliografio

TRA LA MONDO. Internacia legolibro. Kolektita kaj prilaborita de Paul Benneman. 2a parto: Por progresintoj. Kun aldono de 4 komponaĵoj. Eldonis 1922: Ferdinand Hirt en Sohn, Leipzig. 144 paĝoj: 22 x 15 cm.

Ni tre rekomendas al niaj legantoj havigi al si tiun libron, kiu enhavas grandan kvanton da interesa kaj agrabla legaĵo. La materiala estas dividita en 4 grandaj ĉapitroj: 1° Paroloj de l'saĝo, 2° El la mondliteraturo (poeziaĵoj kaj prozaĵoj el diversaj lingvoj), 3° El la vivo, la arto kaj la sciencoj, 4° Por vesperaj horoj. Krom tio ĝi posedas muzikan aldonon kun 4 muzikaĵoj: «Korsonoriloj», «Recitativo kaj ario el La Edziĝo de Figaro», «La anĝelo», «Bela Nokto». — La libro certe kontentigos la plej malfacilan esperantiston.

UNUA LEGOLIBRETO (19 Rakontoj, fabeloj kaj popollegendoj) de K. Brüggemann.

DUA LEGOLIBRETO (16 prozaĵoj el literaturo, arto kaj scienco) de sama aŭtoro. N° 1 kaj 2 de la Universala Biblioteko eldonita de Friedrich Ader, Dresden A. 27. — Ĉiu libreto enhavas 64 paĝojn 16 x 10.5 cm. — La enhavo estas senriproĉa, kaj la eldono boneqe prizorgita.

O ESPERANTO como lingua auxiliar, comun a todos os povos. Portugala broŝuro eldonita de Club de Enjenharia (Klubo de Inĝenieroj) de Rio de Janeiro, 1921. 32 paĝoj 19×13 cm. Prezo nemontrita. Raporto prezentita de D-ro Aarao Reis, Universitata Profesoro, al la citita Klubo.

O ESPERANTO como lingua internacional. Portugala broŝura, eldonita de la sama klubo. 1921. 20 paĝoj 22×15. cm. Preeo nemantrita. Parolado farita de d-ro Antonio C. de Arruda Beltrao, ĉefingeniero de telegrafa distrikto, okaze de la propono prezentita de d-ro A. Reis al la Klubo de Inĝenieroj.

S. A. L. U. S. — Kvarpaĝa prospekto de la Saneca Abstinenca Longviva Universala Societo. Senpage havebla ĉe tiu societo: Romo, via Collina 24.

DE JONGSTE SUKSESSEN VAN HET ESPERANTO. Propaganda broŝuro en simpligita nederlanda lingvo. Eldonita de «Nederlandse Federatie van Arbeiders Esperantisten, le Sweelinkstraat 19 2a, Amsterdam, — 16 paĝoj 16.5×11.5 cm. Prezo: Guld. 0.10.

VERSAĴARO, originale verkita de Julio Mangada Rosenórn. Eldonita de Presejo: San Lucas, 5, Madrid. 28 paĝoj 15×10.5 cm. Prezo: Fr. 0.50. Enhavas 14 versaĵojn de nia bonega pioniro hispana J. Mangada Rosenörn kies sperteco en verfarado estas konata de ĉiu esperantisto, kiu regule sekvas nian internacian literaturan movadon.

GEORGE WILLIAMS, Skizo de la vivo de la fondinto de la Kristana Asocio de Junaj Viroj, eldonita de la Tutmonda Komitato de la K. A.

de J. V. okaze de la centjarfesto de lia naskiĝo. 1921 Genève, rue Général Dufour 3. 52 paĝoj: 19×13 cm. kun 8 ilustraĵoj. Prezo Sv. fr. 1.25.

Traduko laŭ la franca resumo de Th. Geisendorf de la angla verko «The Life of Sir George Williams». — La esperanta stilo kaj lingvo de tiu libro estas bonegaj. Entute tiu eldonaĵo estas tre interesa dokumento.

ESTAS, DO, EN KRISTANISMO IO VALORA. — de S-ino Walter Searle, eldonita de «One by One» Working Band, 91 Bethune Road, Stamford Hill, London N 16 paĝoj: 9x12.5 cm. Prezo nemontrita. —

LA LEĜO KAJ LA PROFETOJ. — Ekstraktoj el Parolado porpaca de P. H. Peckover, en Walpole, 1914. Bonega Esperanta traduko de S-ino A. Cunningham Mendebla ĉe F-ino P. H. Peckover, Wistana House, Wisbech. 4 paĝa cirkulero 19×13 cm. Prezo: Sm. 0.625 por 100 ekzempleroj.

DEUTSCHE REDENSARTEN IN ESPERANTO de Karl Minor, Germana-Esperanta esprimaro laŭ la proverbaro Esperanta de D-ro L. L. Zamenhof. Eldonis 1922: Esperanto-Verslag Fr. Ellersiek, Berlin. Nr. 4 de la Deutsch-Esperanto Bücherei. 56 paĝoj: 18.5×12,5 cm.

Tiu verko estas tre interesa por germansciantaj samideanoj; ĝi entenas la tradukojn de proksimume 250 germanaj esprimoj kaj proverboj, tre praktike ordigitaj, por ke la serĉanto tre facile trovu la deziratan esperantan esprimon

UNIVERSALA LEGOLIBRO de Wilhelm Fricke. Modelaj tradukaĵoj el la tutmonda literaturo kaj originalaĵoj Esperantaj. Eldonis: 1922, Esperanto-Verslag Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. 176 paĝoj 18.5x13 cm.

Enhavas 90 bone elektitaj versaĵoj kaj prozaĵoj de niaj plej bonaj Esp. stilistoj. La libro estas presita sur bona papero kaj tre zorge eldonita.

INTERNACIA KANTARO. Kolekto de 64 popolaj kantoj el 26 nacioj, kun aldono de 3 famaj koncertarioj (Händel, Mozart, Wagner). Kolektitaj kaj tradukitaj de Paul Bennemann Eldonis 1922: Ferd. Hirt & Sohn, Esperanto-Fako. 64 paĝoj. 64 paĝoj: 15x11 cm.

Tiu verketo estas la 3a eldono, en pli internacia formo, de la «Esperanto Kantaro», kiu antaŭe havis ĉefe germanan karakteron. — Tiu ŝanĝo estas tre feliĉa, kaj certe multe helpos al la disvastiĝo de la libro en la tuta mondo. — Ĉiu grupo almenaŭ posedu (kaj efike uzu) unu ekzempleron de tiu plej interesa eldonaĵo.

INTERNACIA KANTARO. MUZIKA ELDONO. — Aranĝita de Josef Achtélik, iama orkestrestro ĉe la Opero en Leipzig. Eldonis Fr. Hirt & Sohn, Leipzig,72 paĝoj 13.5x19.5 cm.

Enhavas la muzikon kun akompano de piano de la 67 kantaĵoj, kies teksto troviĝas en la antaŭe citita libreto. Nur laŭdojn kaj gratulojn meritas la eldoninta firmo pro sia bela laboro. F. D.

